XXVII-a jaro. — N° 367 (3). Monata Marto 1931.

# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

ENHAVO: Teorio kaj Faktoj, de Edmond Privat (33). — Lingva egaleco, de Edm. P. (34). — Gratulo, de Fr. Döring (34). — La okŝtupa vojo de Budho (35). — Kinino, de G. Agricola (36). — Kalendar-reformo, de Georg Backhaus (37). — La sklaveco, de Abel Bonnard (37). — La rajto fajfi de Kinokunulo (38). — Eŭropa landkarto postmilita, de H. J. (39). — Proceso pri kolbasoj, de Naivulo (41). — La mankinta ĉenero, de Edw. H. Ede (41). — Maryĉka Magdon, de Bezruĉ (42). — Tra la libraro: Hura! de G. S. (42). — Milano kaj Lagoj de Lombardio (43). — Lingvaj studoj: Tempo for pasinta, poezio (44). — Universala Esperanto-Asocio: Nuna stato, konkurso, nova servo. Optimismo (45). — Prof. Samojloviĉ pri Esperanto (46). — Kongresoj (46). — Naciaj kongresoj (47). — Foiroj kaj ekspozicioj (47). — Opinioj pri la moderna vivo (47). — Amerikana sprito (47). — Esperantista Parolejo (48). — Radio (49). — En kelkaj linioj (49). — Esperantista Vivo (49). — Niaj Mortintoj (49). — Korespondado Petoj kaj Proponoj (50). — Reklamoj (51-52). — Aldono: Oficiala informilo de UEA, n-ro 10.

## Teorio kaj Faktoj

Estas nun maloftaĵo legi verkon pri tutmondaj aferoj kaj ne trovi en ĝi aludon pri la neceseco de helplingvo aŭ pri Esperanto mem. Pensantaj homoj scias, ke ĝi ekzistas kaj komprenas klare la pravecon de la celo.

Sed kio mirigas, tio estas ilia supraĵa informo. La samo impresis ĉiujn, kiuj aŭdis la diskuton pri mondlingvo el angla radiostacio. Belaj vortoj, pensoj, supozoj, profetaĵoj k.t.p. de konataj personoj estas sendube interesaj. Sed la plej eta informo pri faktoj pli helpas la aŭdantaron.

Pasis la epoko, kiam oni kontente glutis sendiskute la opinion de S-ro X. aŭ Z. Nun oni preferas lian scion pri faktoj. Kiel siatempe diris tre prave la usona filozofo William James, kion iu sinjoro teorie opinias, tio valoras ne tro multe. Ni ja scias, ke aliaj, ne malpli eminentaj, opinias ĝuste la malon. Kio nin interesas, tio estas aŭdi pri spertoj. Kaj ĝuste tion ne posedas la diritaj pensuloj sur tiu kampo mondlingva.

Se temus pri afrika dialekto neniu el ili kuraĝus esprimi juĝon sen kono de la temo. Pri Esperanto ŝajnas, ke ĉio ajn estas permesita kaj aŭtoro forgesas, ke multaj el liaj legantoj scias pli ol li kaj ridas je liaj asertoj.

La plej laŭmoda el tiuj asertoj estas la jena : lingvo kiel Esperanto kapablas eble servi por rilatoj en hoteloj, sed ne por kulturaj celoj. Ĉu vere ? Kiel vi scias tion ? Ĉu vi lernis la lingvon ? Ne. Ĉu vi enketis pri ĝia uzo? Ne. De kie venas do via konkludo? De nura supozo.

Nu, kiam ni studis en lernejo pri metodoj de scienca esplorado, jen kiel oni instruis al ni : unue observi la faktojn, poste supozi kaj pli poste kontroli la supozon per denova observado de faktoj.

Bonvolu afable apliki tiun elementan leĝon al tio, pri kio vi skribas aŭ prelegas. Tiam via opinio gajnos valoron. Alie ne.

Pri Esperanto, same kiel por la plej nekonata montara dialekto, necesas lerni la lingvon, aŭdi ĝin en kunvenoj, legi ĝin en modernaj verkoj antaŭ ol fari supozojn kaj eldiri juĝojn.

Poste necesas kompari ĝian uzon kun la uzo de fremdaj lingvoj sur internacia kampo. Tiam oni alvenas al interesaj konkludoj. Jen kelkaj el ili :

Unue — kaj tre bedaŭrinde — Esperanto ne estas uzata en hoteloj. Tie regas fremdaj lingvoj. Due la nuna uzo de Esperanto estas preskaŭ ekskluzive kultura. Ĉar ĝuste sur tiu kampo la fremdaj lingvoj ne funkcias internacie por multaj homoj.

En naŭdek el cent okazoj la scio de fremdaj lingvoj estas malsuper la kultura grado kaj restas ĝuste je la « hotela » nivelo. Dum Esperanto malmulte utilas en hoteloj ĝis nun, la kampo, kie ĝi vere vivas kaj servas al kelkmiloj da homoj en ĉiuj landoj, tio estas ĝuste kulturo.

Povus esti, ke tio kontraŭas ĉiujn antaŭ- kaj *a-priori* supozojn de iu aŭ alia klerulo. Sed estas tiel, ĉu plaĉe aŭ ne. Por hoteloj Esperanto ankoraŭ ne sukcesis, sed ĉiusemajne aperas en ĝi libroj kaj gazetoj pri literaturo, politiko, religio kaj etiko.

Do kiel vi klarigas tion ? Simile pluraj scienculoj, kiuj ne kuraĝus prelegi en fremda lingvo, paroladis ĉe kongresoj aŭ ĉe « someraj universitatoj » en Esperanto. Ĉu vi demandis ilian impreson ? Ne.

Do bonvolu fari kaj nur poste paroli. Jen elementa saĝo. La studo de faktoj ne montros al vi miraklon, sed naturan fenomenon de vivo, kiun vi ne suspektis.

Edmond Privat.

# Nuntempaj problemoj

## Lingva egaleco

Ekzistas ankoraŭ eŭropaj landoj, kie la problemo pri lingvoj estas grava, eĉ foje tragedia. Tie martiroj dcnas sian vivon por surskribo en unu lingvo anstataŭ alia. Tie la publika uzo de unu lingvo estas insulto por iuj kaj sanktaĵo por aliaj. Dum centjaro oni batalis por la sia kaj defendis aŭ trudis ĝin laŭ la cirkonstancoj.

Kiam el tiuj landoj venas vizitantoj al Svislando, ili miras pri diverslingva regno, kie la problemo kvazaŭ ne ekzistas kaj kie la vojaĝantoj en vagonaro tute simple kaj indiferente rigardas al surskriboj.

Tute ne temas pri lando iel ajn aparte merita. Male ĝi havas multajn malperfektaĵojn kiel ĉiuj ceteraj. Nur tiu akra problemo de lingvoj ne ekzistas kaj plurfoje oni petis nin klarigi kiel estas eble.

Ne volonte ni faras tion, ĉar estas malagrable paroli pri sia lando kaj eĉ ridinda kiam laŭde. La mankoj en Svislando impresas nin pli ol ĉio kaj ankaŭ la teruraj bataloj internaj de l'antaŭaj centjaroj. Sed, se ĝia paciga sperto en tiu lingva demando povas iel helpi aliajn, nu bone.

La statistiko por 1930 ankoraŭ ne estas preta. Tiu por 1920 montris 2.750.000 germanlingvanojn, 824.000 franclingvanojn, 238.000 itallingvanojn kaj 43.000 romanĉ-ladinanojn.

La laste nomitaj latinaj dialektoj romanĉa kaj ladina estas nur parolataj en la kantono Grizona, interalie en la sportregiono de Sankt Moritz.

Estas interesaĵo por lingvistoj kaj por la registaro grizona, kiu rajtigas germanan, romanĉan kaj italan lingvojn.

La solaj lingvoj parolataj en pluraj kantonoj estas do la germana, la franca kaj la itala.

Pri la germana, necesas klarigi, ke nur la skriba lingvo estas la sama, kiun oni presas kaj instruas en Aŭstrio kaj Germanujo. La parola hejma lingvo estas svis-germana dialekto aŭ pli ĝuste dialektoj, iom diversaj en ĉiuj regionoj, sone malsimilaj de oficiala kultura germana lingvo. Tiuj dialektoj havas eĉ pli antikvan formon ol la germana lingvo mem kaj konservas purajn vokalojn kiel *i* anstataŭ *ei* k.t.p. La Germansvisoj tre ŝatas sian gepatran dialekton, sed en lernejo kompreneble studas ĉion en kulturgermana, kiu servas ankaŭ por prelegoj kaj predikoj. Male popolaj kunvenoj politikaj ekzemple uzas ofte la dialekton.

Estas ja konate, ke la Svisa Konfederacio konsistas el 25 memregaj respublikoj kun propraj parlamentoj kaj registaroj. Tamen la centrigo tre progresis dum lasta duoncentjaro. Federacia parlamento kaj registaro en Bern nun decidas pri multaj aferoj, antaŭe kantonaj.

La grandaj administraĵoj kiel poŝto, telegrafo, telefono, fervojaro, dogano, k.t.p. estas tutsvisaj kaj direktataj el Bern. Kvankam la proporcio de la loĝantoj montras 73 % por germana, 21 % por franca kaj 5 % por itala lingvo, tamen ekzistas oficiala egaleco inter tiuj lingvoj.

Tion oni konstatas en ĉiuj dokumentoj, surskriboj k.t.p.. En esceptaj okazoj kie trilingva surskribo ne taŭgus belarte sur monumentoj ekzemple, Federacia palaco, poŝtmarkoj kaj moneroj, tie uziĝas latina kiel neŭtrala lingvo.

En Svislando on ne disputas pri nomoj kaj kutimas aŭdi pri Genève, Genf aŭ Ginevra, Basel Bâle aŭ Basilea. Ĉiu nomas ĝin laŭ sia lingvo kaj, en oficialaj listoj, la nomo aperas unue en la lingvo de la urba enloĝa plimulto. Se iu eraras okaze, oni pli ridas ol koleras, ĉar havas multon pli gravan por fari kaj multon alian por pliperfektigi.

Politike tiuj lingvaj demandoj ne ludas rolon, sed kompreneble restas la praktikaj maloportunaĵoj pro lingva diverseco. La lerno postulas tempon kaj ne ĉiam alportas kontentigan rezultaton, speciale ĉe latinaj svisoj, kiuj ne facile komprenas germane, eĉ post lerno. Tial ĉiuj svisaj societoj iom suferas en siaj kongresoj aŭ por siaj oficialaj organoj. La plej sukcesaj kunvenoj de ĉiuj ajn svisaj asocioj estas tiuj de la Esperanto-Societo, kie la diskutoj fluas rapide kaj kontentige.

Sed tio rilatas nur al la oportuneco, ne al la juro aŭ sento, ĉar la egaleco interlingva fariĝis leĝo kaj kutimo. Eĉ la franca lingvo (kvankam nur 21 %) ludas multe pli grandan rolon ol ĝi rajtus laŭ tiu cifero. Rimarkinda estas la fakto, ke ĝi posedas kvar universitatojn (en Genève, Lausanne, Neuchâtel kaj Fribourg) dum la germana posedas nur tri (en Zürich, Basel kaj Bern). Ili estas cetere lokaj organizoj. Nur la Politeknika Lernejo en Zürich estas tutsvisa.

Ĉiuj oficistoj germansvisaj scipovas paroli france flue. La reciproko ne estas tiom certa. Do la plimulto germanlingva, kiu reprezentas la 3/4 de la nacio kaj fondis la Konfederacion, ne trudas sian lingvon al la malplimulto. Ankaŭ helpas la fakto, ke ĝi ne donis al la regno la nomon de sia gento kaj evitis la gravan eraron nomi ĝin « Alemanio ».

La plimulto male klopodas sincere (kaj nun eĉ tute kutime kaj eble senkonscie) lasi al la malplimulto la senton, ke ĝi estas absolute samrajta kaj partoprenas kiel kunmastro la regadon, anstataŭ suferi ĝin kiel subulo. Tion kiel ano de la malplimulto mi povas ja konfesi je honoro de la plimulto.

La rezultato estas, ke la lingva problemo ne ekzistas, almenaŭ ne politike. Ĉe la Parlamento ĉiu parolas laŭ sia prefero, kutime en gepatra lingvo. Ĝeneva prezidanto eĉ prezidas france kaj Züriĥa germane. Neniu eĉ pensus pri insulto en tio. Ĉiam la oportunecon oni oferas al la egaleco. La itallingva kantono Tiĉino allogas multajn nordanojn el Germanujo, el Basel, Bern, Zürich, Luzern pro la suna klimato de siaj ĉarmaj urbetoj Locarno kaj Lugano. Estis iometa danĝero pri troa invado de germana lingvo, kiu perdigus al tiu regiono ĝian propran karakteron. Ĉar la kantona respubliko de Tiĉino estas malriĉa, la svisa parlamento decidis helpi al ĝiaj lernejoj finance, por ke ĝi pli efike defendu sian lingvan originalecon. La germana plimulto mem voĉdonis kontraŭ la intereso de sia lingvo tie.

Kial? Ĉar ĝi komprenas ke sole kontenteca kaj egaleca sento konstruas solidan svisan nacion, kies rolo en Eŭropo ne estas nur fabriki ĉokoladon, vendi horloĝojn aŭ aranĝi hotelojn, sed montri, ke diversaj gentoj *povas* kunvivi pace, kondiĉe ke neniu kredu sin mastro kaj posedanto de la tuta lando kaj ke neniu lingvo estu pli « oficiala » ol la ceteraj.

Edm. P.

## Gratulo

De Franz Döring

*Gratuli vin, permesu:*
*Bonsorto, ĝi ne ĉesu,*
*Kontento regu koron,*
*Gajemo ĉiun horon.*

*Eĉ se vin vivo trompus*
*Kaj altajn revojn rompus,*
*Konsolu vin fidelo*
*Al ĉia bon' kaj belo!*

# Okcidento kaj Oriento

## La okstupa vojo de Budho

Siddhartha Gotama, kies titolo « La Budho » signifas « La Lumigito », estis hinda princo (500 jaroj antaŭ J. K.) kiu, oferante ĉion propran, serĉis, trovis kaj poste deklaris la Vojon de Saviĝo el la ĉagreno de la tera vivo. Li ne estis iu « dio » kiel opinias multaj okcidentanoj, kaj liaj disĉiploj ne alpreĝas lin sed honoras kaj sekvas lin kiel Grandan Instruiston, Montrinton de la Vojo.

La esenco de lia instruo troviĝas en *la kvargrandaj veroj*

La Unua Vero estas la « ĉieesto de suferado ».

La vivo estas plena je malakordo, ĝeneco, koleriĝo, malkontento, ĉagreno, turmento, malĝojo kaj mizero. Ĉi-tiu estas veraĵo kiun ne povas nei tiu, kiu, rigardante la faktojn de la vivo, flankenmetas ĉiujn ŝatatajn iluziojn.

La Dua Vero estas la « kaŭzo de suferado ».

Oni povas konstati unu komunan kaŭzon de ĉia suferado — egoista deziro. La forta soifego al memkontentiĝo, kiu regas la vivojn de la homoj, neniam povas esti satigita, kaj produktas nur malĝojon kaj doloron.

La Tria Vero estas la ĉesigo de suferado ».

Ĝi ĉesas kiam tute ĉesas tiu-ĉi soifego. Estas kompreneble ke, se homo povus forigi de si la egoismon, ĉian deziron al io por si mem, sentoj tiaj, kiaj estas ĉagreno, malkontento kaj ĝeneco fariĝus neeblaj al li. Li ankaŭ estus tute indiferenta al sia suferado pro malriĉeco, malsaneco kaj mortoperdo. Li vivus por aliaj, ne por si mem. Estas malfacile imagi menson tiel absolute altruisman. Tamen estas pruvite de milionoj da Budhanoj ke, je ĉiu paŝo, alproksimiĝanta al tiu stato — laŭ la vojo jam paŝita kaj elmontrita de la Majstro — la premado de la malĝojo kaj suferado de la vivo iom post iom malpliiĝas.

La kvara vero estas la vojo, kiun devas sekvi tiu, kiu volas liberiĝi de la soifego memdeziro. Tiu-ĉi vojo estas dividata en ok ŝtupoj, kaj estas nomata :

*la nobla vojo okobla.*

La *Unua Ŝtupo* estas la *Prava Vidpunkto*, aŭ Prava Kredo. Pro tio ke ni devas kontraŭbatali tiun ĉi *mem*-deziron, estas unue necese ke ni klare komprenu la signifon de la « memo ». La Budho analizis la naturon de la homo, kaj trovis fizikan korpon, la perilon de la sperto. En tiu-ĉi estas la sentoj ĉiuspecaj. Preter tiu-ĉi estas reakcio al la sentoj, percepto de la informo, kiun ili donas al la cerbo. Malantaŭ tiuj-ĉi estas la malsimpla enhavo de la menso, inkluzive la emoj, mens-kapabloj kaj funkcioj. El la inteligenteco, la kompreno kaj la rezono konsistas la konscio ĝenerala. En tiu-ĉi analizo nenia parto de la homa naturo estas ellasata, kaj tamen ni povas konstati, ke ĉiu parto estas nur transira kaj ĉiam ŝanĝanta. La materialo, el kiu konsistas la korpo ŝanĝas tiel konstante ke, post ĉirkaŭ sep jaroj, neniu parto enhavas iom de la antaŭa materio. Novaj provizo estas konstante asimiligitaj kaj la malnova materio forjetita. La sentoj, ideoj kaj pensoj ŝanĝas eĉ pli rapide, konstante ricevante de, kaj fordonante al la ĉirkaŭo. Do, tio, kion ni nomas la « memo » estas nenio krom nomo por tiu-ĉi kolekto da komponaĵoj, kiuj, ligitaj nur per la daŭrigo de « ago » (karmo), faras nenian stabilan unuon, sed konstante fluas kaj refluas kun la granda tuto de Ĉio, de kiu ili nur estas aspekto.

La naskiĝo do ne estas la komenco de aparta ekzisto de unu « memo » aŭ « animo », kaj la morto estas nek ĝia, nek la foriro de ĝi en staton de eterna vivo ankoraŭ apartan.

Tiel ke estas vere rilate la fizikan korpon, ke la materio el kiu ĝi konsistas preterfluas en alian vivon, tiel ankaŭ estas vere ke la « karaktero » — la spirita rezulto de penso kaj ago — preterfluas, kaj daŭre esprimiĝas per aliaj vivformoj. Kaj, tial ke la leĝo de kaŭzo kaj rezulto estas vera rilate konkretajn aĵojn, tial ĝi egale estas vera en la morala vivo, la vivo de tiu-ĉi « karaktero » ; la hodiaŭaj pensoj kaj agoj estas kaŭzoj kiuj, fine, en tiu-ĉi vivodaŭro, aŭ poste havos siajn rezultojn. Tio, kio ni estas nun, rezultas de niaj pensoj kaj agoj pasintaj ; Niaj nunaj pensoj kaj agoj igos nin tia, kia ni estos.

La *Dua Ŝtupo* estas *Prava Celo.*

Atinginte la Pravan Vidpunkton ke la « memo » estas nur nomo de iluzio, celu do al tuta forgeso de vi mem, sen fiero, sen amo al la propra vivo sed kun granda amo al ĉio vivanta.

« Same kiel patrino, eĉ riskante sian vivon, zorgas pri la propra infano, tiel ankaŭ ĉiu kulturu sen limo aman sintenadon al ĉiuj estaĵoj », diris la Budho. Tio-ĉi estu via celo.

La *Tria Ŝtupo* estas *Prava Parolo.*

Parolu ĉiam milde kaj sincere. Zorgu ke, per viaj vortoj, vi ne vundas alian. Parolante pri aliaj, memoru nur iliajn bonajn agojn kaj bonajn ecojn.

La *Kvara Ŝtupo* estas *Prava ago.*

Rahulo, la filo de la Budho, foje lin demandis, kiun regulon de agado li devas obei. La Budho respondis, « Ĉu estas ago, Rahulo, kion vi volas fari ? Do konsideru ĝin tiel : ĉu tiu-ĉi ago kondukas al malutilo al mi mem, aŭ al malutilo al alia, aŭ al ambaŭ ? Se jes, tiu-ĉi ago estas malbona. Tian agon vi devas ne fari. »

Por tiuj, kiuj iradas laŭ la vojo, la Budho donis Kvin Regulojn por konduto :

1. Ne mortigu, aŭ agu perforte kontraŭ iu viva estaĵo.
2. Ne prenu tion, kio ne estas volonte donita.
3. Vin detenu de seksa malmoraleco.
4. Ne parolu mensoge.
5. Ne trinku ebriigaĵojn.

La *Kvina Ŝtupo* estas *prava okupo.*

Pro la granda senlaboreco en la nuna tempo, malmultaj personoj povas elekti la manieron per kiu ili gajnas la vivrimedojn, sed, kiam ajn elekto estas ebla, la okupo elektata estu tia, kian oni povas fari sen malhelpi progreson ĉe la irado laŭ la Vojo — la sian progreson aŭ tiun de aliaj. Tamen ni ĉiuj povas elekti la okupon de nia libera tempo. Tiuj-ĉi estu tiaj, ke rezultas el ili efektiva bono, aŭ al ni mem, aŭ al alia, aŭ al la mondo ĝenerale. Ni devas ne nin indulgi per okupo au distraĵo kiu povas konduki al suferado iaspeca.

La *Sesa Ŝtupo* estas *Prava Peno.*

Ŝajne estas stranga paradokso, kiu tamen estas provita kaj pruvita de multaj noblaj homoj, ke, internan pacon oni

atingas kaj tenadas nur per konstanta baraktado kaj peno.

La Budhana Peno devas esti:

1. Por malebligi la eniron de malbono en la menson.
2. Por forigi malbonon, kiu jam estas tie.
3. Por kulturi la bonon, kiu jam estas en la menso.
4. Por senĉese akiri plimulte da bono.

La *Sepa Ŝtupo* estas *Prava Penso*:

Zorga atento pri la pensoj, ne permesante ke ili vagu enregite.

« La menson ne kontrolatan », diris la Budho, « mil pensoj eniras. Ĝi vagas tien kaj reen, kaj sekvas tien kaj tien-ĉi; sed ĝi devas esti kontrolata. Ĝi estas senzorga, ne serĉante kialojn. Ĝi ne pripensas; kien ajn ĝi volas iri, tien ĝi iras. Tial, same kiel la maro ne tenadas senvivajn korpojn, aŭ ian malpuraĵon, sed forĵetas ĝin, tiel la menso devas liberiĝi de nescio kaj malbona deziro. Ankaŭ, kiel la maro ne forĵetas la perlojn kaj gemojn, kiuj troviĝas en ĝi, sed tenadas ilin, tiel la menso devas tenadi kaj flegi la virton akiritan per irado laŭ la vojo. Kiel la maro ne superfluas kvankam ĝi ricevas la akvon de mil riveroj kaj sen-nombraj pluvadoj, tiel la menso devas esti tenata en siaj limoj, en stato konsekvenca, ne movante al ekstremeco. Kaj kiel la maro ricevas la akvon konstante fluantan en ĝin, tiel la menso ne estu kontenta pro la jam gajnita bono, sed konstante serĉu akiron de pli kaj pli da bono ».

« Tiu homo prave pensas al kiu aŭguroj, sonĝoj kaj antaŭsignoj estas sensignifaj. Lin ne katenas tiaj superstiĉoj.

« Tiu homo pensas prave, kiu ne pensas: « Oni devus saluti min »; kiu, kvankam malbenita de la mondo, tamen ne allasas malbonvolon pri ĝi.

« Tiu homo prave pensas, kiu estas trankvila, elektinte sian vojon, kiu vidas la veron tiel, kiel ĝi efektive estas, sed estas tolerema en siaj rilatoj kun homoj de malsamaj kredoj; Kiu kun firma menso venkas malbonvolon kaj envion, kiuj kaŭzas suferadon. »

*La Oka Ŝtupo* estas *Prava Meditado.*

Anstataŭ serĉi supernaturan helpon kaj saviĝon de ekstere, la Budhano devas sin turni internen kaj tie serĉi, per meditado, la Internan Lumon. Li meditu do kun amo bonkora pri sia rilato kun la mondo, ĝis tiu unueco kun ĉio, kio estas, fariĝas parto de li; kun kompato al tiuj, kiuj suferas kaj estas malfeliĉaj; kun ĝoja simpatio kun tiuj, kiuj estas atingintaj feliĉan pacon de la menso; vidante en la fasko de komponaĵoj el kiuj konsistas sia naturo, nur malperfektecon kaj tansiron; vidante super ĉio la Grandan, la Senliman tion, kio ESTAS; tio, kio, transpasante pensojn, superas vortojn.

Tiel la sekvanto, irinte la vojon, venas en Nirvanon. Kaj kio estas Nirvano? — Ĝi estu spertata, ne priskribata, pro tio ke ĝi estas unueco kun, kaj kono de la Senlimo, vortoj estas senutilaj por ion diri pri ĝi. Kiam la feĉo de pekoj estos forigita, kaj la ligiloj, kiuj nin katenas al la ĝojoj kaj malĝojoj de la mondo, estos ĉiuj rompitaj, kiam la iluzio de la aparteco kaj individueco de tio, kion ni nomas la « memo » estos frakasita — tiam la vera Memo sin konos.

Jen estas la Celo, kaj jen estas Paco.

Y-ON.



# Scienco

## Kinino

De G. Agricola

Paracelso diris pri rabarbo: « Ne gravas scii, ke rabarbo laksigas, pli necesas scii, kio kaŭzas la laksigon ». Per tiu ĉi frazo li kvazaŭ distingas novan epokon. Kaj fakte kio venis post li, estas la transiro de alĥemio al analizo, de statiko al dinamiko. Post promesplena komenco sekvis dum la 19-a jarcento la eltrovoj pri la alkaloidoj, unu post alia. 1805 trovis Sertürner la morfinon, 1818 Pelletier kaj Caventou la striknon, 1820 la samaj, la kininon. Jam en 1810 Gomes trovis la parencan kinkoninon. En 1833 Geiger kaj Hesse trovis la atropinon, en 1859 Niemann la kokainon.

El tiu ĉi eminenta serio, sen kiu la nuna stato de medicino estus neebla, estu rigardata kinino, al kiu la senlaca esplorado malfermas ĉiam novajn kampojn en la arto de sanigado.

Ankoraŭ ne sukcesis la sinteza produktado de l' kinino. La klopodoj faritaj en tiu ĉi direkto de Knorr kondukis al la eltrovo de Antipirino, uzata kiel kontraŭfebra rimedo. En la batalo kontraŭ malario, kinino posedas la ĉefan pozicion. Dum la lastaj jaroj novaj spertoj estis akiritaj, kiuj permesis pli-larĝigon de l'uzado. Tio supozigas jam nun, ke apartenas la estonto al tiu ĉi alkaloido kaj ĝiaj derivaĵoj.

Kinino estas ekstrakto el ŝelo de arbo de l' genro *Cinchona* el la granda familio de la rubiacoj. (Al tiu familio apartenas ankaŭ la kafo kaj la bonodora asperulo.) La kininarbo kreskinta origine en la tropikaj Andoj de l'okcidenta Sudameriko, estas nuntempe kulturita en Nederlanda Hindujo precipe sur Insulo Javo. La pli multaj kaj pli bonaj plantejoj troviĝas tie en alteco de 1000 kaj 2000 m. da mara nivelo. En la komerco oni distingas farmacian kaj fabrikan ŝelojn. La dua kategorio, kiu entenas meze 6 % da kinino estas rezervita por la analiza esplorado, dume la unua servas al la preparo de farmaciaĵoj, distilado de la ŝatata Kino-vino. (Quinquina, Chinawein.)

Kiel alkaloido, ankaŭ kinino estas veneniga. Tro forta uzado de kinino ebriigas, kaŭzas sveniĝon, blindiĝon, surdiĝon kaj laŭokaze kondukas al mortigaj perturboj de l' koro kaj de l' spirado. Infanoj montriĝas tre malrezistemaj al la efiko de kinino. La venena efiko etendiĝas ankaŭ je la plej malgrandaj vivaĵoj, baciloj, ĝenerale je ĉiuj mikro-organismoj. Je tiu desinfekcia kapablo bazas la sanigo de la malario kaj la serio de aplikeblecoj de l' kinino, ekstere kaj interne. Kinin-likvaĵoj kiel lavrimedo kontraŭbatalas efike pusocentrojn kaj pusoariĝon. Dum la milito pruviĝis kinin-ŝmiraĵo kiel taŭga protekto kontraŭ sifilisa infekcio. Ankaŭ en la traktado de lupuso. Sed surprizige kinino efikis kiel desinfekcia forto ĉe kalo-ulceroj.

En la interna kinin-apliko estas citinda la efiko sur kelkaj intest-parazitoj. La milito donis okazon pruvi multfoje la influon de la kinino ĉe disenteri-malsanoj. Samo valoras ankaŭ por la malario. Oni ne povas imagi kian disvastiĝon estus preninta tiu ĉi sang-epidemio, sen la uzo de l' kinino. Speciale atendinda rezultado konsistas en la traktado de la paralizo, kiu prezentiĝas kiel sekvo de sifilis-infekcioj. En multaj kazoj la paralizo estas sanigebla per la malario, kiu estas envakcinigita kaj traktita poste en decida momento per la kinino.

En la jaro 1918 ondego de l'influenco trairis la mondon. Ĉar oni observis ĝin pli atente en Hispanujo oni nomis ĝin la « hispanan gripon »; la esprimo influenco servis tro longe por indiki ordinaran malvarmumiĝon kaj ties sekvojn. Tiam komen-

ciĝis triumfa venkiro de l' kinino, unika en la farmakopio kaj daŭranta en la sinsekvoj ankoraŭ nun. Menciinda estas kaj bedaŭrinde ofte forgesita, ke jam en 1889/91, Eichhorst uzis la kininon kiel gripimedon kaj ĝin rekomendis insiste en sia tre konata kuraca manlibro. Faktiĝis ke kinino efikas profilakte ĉe la gripo. Sed ankaŭ en stato progresinta de la gripo, la kinino kontraŭbatalas la tiom timatajn komplikaĵojn, speciale pneŭmonion (inflamon de la pulmoj). Favoraj raportoj en la rilata literaturo ne finas.

Kiu scias, ke la vera pneŭmonio devenas el mikro-organismo, komprenas sen io plia, ke kontraŭ ĝi neniu alia rimedo tiom efikas kiel kinino. Jam dum la milito German-Franca en 1870-71 kaj pli poste en la rusa-turka milito 1878-79 oni faris tiudirektajn konstatojn. Hodiaŭ oni konsideras la ne-uzon de kinino ĉe la inflamo de l' pulmoj kiel mankon fundamentan. Ĝia saniga efiko ĉe gripo pulmo-inflamo ankaŭ influas la ceterajn malsaniĝojn de la spir-aparato, ĉefe ĉe la kokluŝo.

Multon oni povus ankoraŭ diri pri tiu rimedo precipe ĉe la helpo dum akuŝado, en la kirurgio. La favoraj ecoj ne estas pli bone konstateblaj ol ĉe la infekciaj malsanoj.

---

## Kalendar-reformo.

De Georg Backhaus

---

La nuna gregoria kalendaro enhavas fortajn mankojn pro la nefiksa pozicio de Pasko kaj pro la malsama longeco de la jarkvaronoj.

### La konstanta, ĉiama kalendaro

| La kvaronjaroj: | | | | |
|---|---|---|---|---|
| | 1 | Januaro | Februaro | Marto |
| | 2 | Aprilo | Majo | Junio × |
| | 3 | Julio | Aŭgusto | Septembro |
| | 4 | Oktobro | Novembro | Decembro ×× |
| 1 Dimanĉo | | 1 8 15 22 29 | — 5 12 19 26 | — 3 10 17 24 |
| 2 Lundo | | 2 9 16 23 30 | — 6 13 20 27 | — 4 11 18 25 |
| 3 Mardo | | 3 10 17 24 31 | — 7 14 21 28 | — 5 12 19 26 |
| 4 Merkredo | | 4 11 18 25 — | 1 8 15 22 29 | — 6 13 20 27 |
| 5 Jaŭdo | | 5 12 19 26 — | 2 9 16 23 30 | — 7 14 21 28 |
| 6 Vendredo | | 6 13 20 27 — | 3 10 17 24 — | 1 8 15 22 29 |
| 7 Sabato | | 7 14 21 28 — | 4 11 18 25 — | 2 9 16 23 30 |

×31a de Junio: Mezjartago. ××31a de Decembro: Kromtago en ĉiuj kromjaroj.

Preferoj:

1. Ĉiu kvaronjaro havas ĉiam 91 tagojn,
2. ties 3 monatoj konstante 31, 30, 30 tagojn (ĝis nun 7×31, 4×30, 1×28 aŭ 29 tagoj),
3. do ĉiu dato havas ĉiam la saman semajnotagon kaj
4. la festoj (religiaj, naciaj, privataj) ĉiujare la saman daton.
5. Tio estas gravega por ĉiuj klerikaj, lernejaj kaj administraj oficistoj kaj por ĉiuj negocistoj (teatristoj, trafikinteresuloj).
6. La 365a tago de ĉiu jaro estu ekstersemajna festtago (eble mondpactago!) meze de la jaro inter sabato (30a de Junio) kaj dimanĉo (1a de Julio).
7. La kromtago estu same ekstersemajna festtago fine de ĉiu superjaro post sabato kaj antaŭ dimanĉo.
8. La jaro 1933 komenciĝas kun dimanĉo, ĝi estas tial precipe taŭga por enkonduki la praktikan novan ĉiaman kalendaron.
9. En propra intereso apogu ĉiu progresemulo kaj praktikulo la „Societon por kalendarreformo" (laŭ dro. inĝ. Rud. Blochmann) Lornsenstraße 24 en Kiel, Germanlando, per akceldonacoj, per membriĝo (jarkotizo nur 4 gm. = 5 fr. Svis., = 1 Dollar, = 4 Shilling), per gazetartikoloj, per paroladoj ktp.

Elpetu informojn, kiuj estos alsendataj senkoste!

Helpu venki!

Industrio, komerco kaj trafiko, same oficejoj, lernejoj kaj religiaj unuiĝoj estas malhelpataj per la nuna aranĝo.

Valoras atentigi pri la kalendarreforma propono de la inĝeniero D-ro Blochmann en Kiel. Jen la skemo de lia propono:

La ĉefideoj de tiu ĉi propono estas jenaj kvin:

1) La jaro havas 364 tagojn kun semajno-tagnomoj kaj 1 tagon sen semajntaga nomo. Tiu ĉi tago, nomata « *mezjartago* » estas enŝovata inter la 30a de Junio kaj la 1a de Julio.

2) Superjaroj havos tute saman strukturon, kaj ilia supertago staras je la fino de la jaro, sen semajntaga nomo.

3) Ĉiu dato trafas en ĉiuj jaroj la saman semajntagan nomon. Ĉiu jaro komenciĝos per dimanĉo.

4) La monatoj januaro, aprilo, julio kaj oktobro havas 31 tagojn, la aliaj 30 tagojn. Do, ĉiuj jarkvaronoj estas inter si egalaj kaj komenciĝas per 31-taga monato. Ĉiu monato havas 26 labortagojn.

5) Por Pasko estas fiksata la 99a tago de la jaro, nome dimanĉo, la 8an de Aprilo. Sekve, ĉiuj festotagoj dependantaj de pasko trafas difinitajn tagojn de la jaro, ekzemple pentekosto la 26-an de Majo.

La kvar unuaj punktoj cititaj rilatas al la tuta mondo, la kvina nur al la kristanaro.

Plej grave estas, ke tiu ĉi nova kalendaro ebligas enkonduki ĉiamajn datmontrilojn (jarlibrojn, almanakojn), kiuj restas absolute egalaj same por ordinaraj kiel por super-jaroj, kiel videble laŭ la ĉi-supra skemo.

---

# Socia Vivo

---

## La reveno al Sklaveco

de Abel Bonnard.

Io nedubebla estas, ke nur malmultaj homoj efektive komprenas la veran karakteron de la socio al kiu ili apartenas. La plimulto kredas kion oni diras pri ĝi, ili imagas la mondon kie ili vivas, ne laŭ la realeco, sed laŭ la vortoj uzataj kiel surskribaĵoj. Nu, la vorto ĉie skribata, ĉie afiŝata ĉe la moderna socio estas tiu : libero — sed estas ankaŭ certe ke la homo pli kaj pli malliberiĝas. Ne nur laŭ la politika leĝaro, li devas soldatiĝi, pagi multegajn impostojn, fari pli kaj pli multajn deklarojn, li estas malhelpata je la aranĝo de sia vivo kaj laboro per ne-utilaj leĝoj, sen garantioj kontraŭ tiuj, elpensotaj morgaŭ ; li sentas, ke pli kaj pli li servas la kapricojn de senvizaĝa tirano ; sed ankaŭ ĉe lia privateco, la zorgoj de lia profesio tiel premas tiun viron, kies liberon oni ĉiumomente laŭdas, ke li jam ne trovas la plej malgrandan momenton por vivi laŭvole kaj laŭplaĉe.

Antaŭ nelonge, mi hazarde renkontis la saman tagon, tri amikojn miajn. Ĉiuj sukcesis al la unua vico de sia profesio, unu kiel ĵurnalisto, alia kiel advokato, alia kiel ĥirurgiisto.

Ĉiuj tri havis tian fizionomion, la plej oftan hodiaŭ, kie nerva incitado malstreĉiĝas en lacega kaj senforta mieno.

Ĉiuj tri al mi parolis pri sia vivo kun la sama laceco kaj la sama malŝato, dirante ke ili estas tiel okupataj, tiel malhelpataj, tiel incitataj, ke ili ne havas plu tempon por meditado, revado. Ilia malĝojo estis tiu de viroj devigataj resti ĉe la teretaĝo de sia ekzistado kaj mankantaj, pro la cirkonstancoj, la noblajn kaj delikatajn ĝuojn, kiujn ili kapablus laŭ sia naturo kaj deveno.

Nenio pli grava ol tiu malapero de la libera momento! Tiu momento efektive estas la vazo, kiun oni povas plenigi

per la plej maloftaj vinoj, la liberaj horoj dediĉataj je la liberaj plezuroj, la minutoj kiam homo atingas la supron de l'homaro kaj eniras idealan socion kie estas la saĝuloj kaj la poetoj ; la horoj dediĉataj al dioj.

---

Se oni demandas la kialojn, kiuj hodiaŭ malebligas la liberan horon, oni certe trovas kelkajn. Estas unue la ĝenerala malstareco, estas mizero de niaj vivoj ke la materia demando neniam estas reguligata kaj ke tiuj, kiuj ĝin bone perlaboras neniam finas la perlaboron ; kiuj ajn estas la ricevitaj sukcesoj, ĉirkaŭ ni, nu estas sklavoj, ki s ĉeno estas pli malpli orumita. Al ĉiuj mankas la momento da ripozo, da senzorgo, da paco kiam ili levas sian kapon super siaj malkvietaĵoj. Apudaj kialoj aldoniĝas tiu-ĉi, diferencaj laŭ la profesioj. Iam, kuracisto, havis liberajn momentojn; li uzis ilin por resti klerulo ; nuntempe kuracisto, kiu volas scii pri la serĉadoj kaj la novaĵoj kiuj senĉese modifas la staton de sia medicina scienco, devas legadi tiom da aferoj, inter kiuj cetere estas multaj senvaloraj, ke lia tuta tempo tiam forpasas.

Tiam, oni sonĝas pri la malnova mondo, pri tiuj vespermanĝoj, kie la amikoj tiel facile renkontiĝis, pri tiuj interparoloj, tiuj legaĝoj, tiu facila vivo agrabla kaj supera, kie oni vidis ĉiujn noblajn aĵojn apud si kaj ĉiujn malnoblajn aĵojn sub si.

Tio ŝanĝis, kaj tiu ŝanĝo havas ĉe ĉiuj faktoj, gravajn sekvojn — lacegaj homoj, eĉ kiam ili volas mallaciĝi kaj distriĝi, povas ricevi nur pasivajn plezurojn — kiel speguloj ili prezentiĝas al la bildoj de l'kino. Se ili prenas libron, ili elektos ĝin, pro sia laceco, sensignifa kaj banala.

---

Oni ne povas konsideri la modernan vivon ne rimarkante tiun karakteron de ĝenerala servutiĝo. Tiuj senspiraj vivuloj havas pli da farotaĵoj ol ili povas plenumi.

Ĉiu havas prokraston da duonhoro, kiun li neniam sukcesas repreni. Ĉie estas puŝtiriĝo kaj ekmiro, sed malgraŭ la komedio de rapideco, kiun ni donas al ni mem, malgraŭ la aŭto kaj la telefono kaj la aviadiloj, kiuj krucumas la ĉielon, ni estas pli moviĝantaj ol rapidaj. La tajloroj kaj kudristinoj bezonas pli da tempo ol iam por fari la mendojn; se oni volas pentrigi aŭ tapetigi ĉambron, estas senfina afero. Se oni havas ion por reguligi kun ŝtata administracio neniam ĝi reguliĝas. La nombro de formalaĵoj ĉiam kreskas !

Ne, nia mondo ne estas *rapida*, sed ĝi estas *febra*. Kia diferenco kun la malnova ! Tiu ĉi ŝajnis plena de mallaboremuloj sed kelkfoje okazis ke unu el tiuj mallaboremuloj malrapide naskis ĉefverkojn, kiel Horace, kiel La Fontaine.

Tiu malnova mondo estis multe malpli noviĝema ol la nia kaj tamen ĉiu laboro resumiĝis en daŭraj verkoj : ĝi estis kvazaŭ fruktoza arbo ; nia vivo ankoraŭ estas meblita, ornamita, plibeligita, plinobligita de ĉio, kion ĝi postlasis al ni. La moderna mondo produktas nenion. Ĝi estas arbo foliara.

---

Oni rajtas diskuti pri tio. La certaĵo, kiun mi signis komence, estas tiu malaltiĝo de la vivo, kiu necesas ke tiuj, kiuj povus fariĝi kleruloj jam ne havas rimedojn, ĉar ili ne povas instrui sin mem kaj ne povas renkonti aliajn.

Tiel, dum la epoko parolas nur pri libero, la sklaveco kaŝe revenas kaj la plej malbona, tiu de la animo kaj de la penso. Estas en tiu malakordo io profunda kaj amare komika, kion sentas malmultaj samtempanoj, sed kio devas amuzi Mefistofeles kaj iomete ridaĉigi lin, dum li konsideras tiun nian spektaklon.

(El la Petite Gironde)

Trad. Léon COURTINAT.

# La rajto fajfi

En diversaj landoj okazis bruo kaj fajfado ĉe kinematografejoj. Inter parantezoj tiu sepsilaba vorto estas eĉ en Esperanto multe tro longa. Ŝajnas al mi provizore, ke ni povus diri « kino » tute simple ĝis oficiala permeso de l'Akademio.

Post la diritaj skandaloj la polico kaj registaro malpermesis tiun aŭ alian filmon. Sed pri kio temis? Pri politiko. Dume gravus uzi la rajton fajfi por tute alia celo.

Efektive la filmfabrikantoj bezonas aŭdi tion, kion la publiko pensas, ne nur tion, kion ili mem presigas en pagataj ĵurnaloj. Pri tiu rajto fajfi, pri tiu devo fajfi, pri tiu forgeso fajfi, pluraj verkistoj lastatempe skribis ion kun multo prava.

Kial oni tedas nin per senĉesa revenado je parizaj noktejoj aŭ meksikaj baroj kun dancistinoj rabemaj, ŝtelistoj lipharegaj kaj misteruloj okulumantaj terure ĝis vi divenas ilian milfoje konatan sekreton? Plej multaj kabaredoj malaperis el Parizo jam de longe, sed ili revivas en filmoj. Ĉu ne ekzistas io alia por rakonti?

Eĉ Parizanoj havas sufiĉe. En *Europe Nouvelle* skribas Philippe Soupault: « Kino restas en manoj de homoj kredantaj koni la bezonojn kaj dezirojn de l' publiko kaj sciantaj prezenti nur malspritaĵojn. Urĝas atentigi la publikon kaj inciti ĝin esprimi sian guston. »

Multon veran diras la artikolo, kvankam ekzistas komprenebIe bonaj filmoj elstarantaj super la ceteraj. Oni do simpatius volonte kun la konsilo fajfi, se la rezultato estus plibonigo.

Bedaŭrinde oni devas dubi pri tio. La fabrikantoj ne komprenus. Ili kredus je politika komploto. La politikistoj ja ĉion difektis. Tiun rajton fajfi, kiu povus ludi rolon utilan, la publiko pro ĝentileco ne uzis, sed ili ĝin prenis por siaj celo.

Neniu registaro povas sendi armeon al ĉiuj kinoj en la lando. Se iu do volas aranĝi bruadon, li baldaŭ sukcesas malpermesigi ĉion ajn. Trudo de ies vidpunkto per skandalo ne estas sistemo de regado kaj tial la konsilo fajfi ne plu taŭgas, eĉ pri gusto, ĉar la rimedo estas jam trouzita kaj misuzita.

Ion alian oni devas trovi. Plej simpla estas bojkoto. Antaŭ ĉiu filma prezento la kino pendigas fotografaĵojn ĉe la pordo. Ĉu tio ne sufiĉas por informi la publikon pri la malspritaĵoj anoncitaj? Do ne iru. Baldaŭ la firmoj sentos vian influon.

Ĉu via hejmo estas tia, ke vi ne povas resti unu vesperon en ĝi? Post dudek bojkotoj, la familio povas aĉeti per la ŝparo bonegan gramofonon aŭ radio-aparaton kaj aŭdi muzikon sen risko kapti influenzon.

Se la publiko nur irus al kino kiam indan filmon oni montras, jam la fabrikantoj ekpensus pri la afero ka eble vokus aliajn spertulojn por ion imagi.

Estas nediskulebla konstato, ke nia civilizo aperas sub vere naŭza lumo en filmoj. Se tiujn oni regule sendas samtempe al Okcidentanoj kaj al ceteraj popoloj en Azio kaj Afriko, tiam ilia impreso pri nia kulturo sendube interesus nin. Bela estas efektive tiu « civilizita mondo » al kiu ne sufiĉas jam ĝiaj faktaj hontindaĵoj kiel ekzemple milito. Ankoraŭ imagi aŭ revivigi naŭzigaĵojn maldelikatajn kaj malsaĝajn ĝi bezonas por amuzi la publikon. Fakte ili tedas nin, sed Afrikanoj ne scias tion.

Serioza diskutado pri filmoj en gazetaro sendependa kaj iom da organizo kaj disciplina bojkotado certe baldaŭ sukcesos. Ekzistis tempo kiam eĉ la reĝoj timis la publikan opinion. Hodiaŭ la novaj monreĝoj fabrikas ĝin same kiel filmojn. Ne lasu! Ĉu vi estas homoj aŭ ŝafoj?

KINOKUNULO.

# Socio kaj lingvo

## Eŭropa landkarto postmilita

La fino de l' milito estis komenco de sendependeco por kelkaj landoj iam memstaraj; por aliaj ĝi estis pligrandiĝo teritoria konforme al la 14 punktoj de l' prezidanto Wilson. Restariĝis Polujo el tri partoj kun tre malsamaj evoluoj. La landoj de l' bohema krono ligiĝis kun Slovakio kaj aliaj regionoj, por formi la Ĉeĥoslovakan Respublikon. Litovujo, Estonujo kaj Latvolando konstituiĝis kiel sendependaj respublikoj. Kroatoj kaj slovenoj aliĝis al Serbio por formi reĝlandon sudlavan (Jugoslavio) kaj Rumanujo pligrandiĝis je Transilvanio kaj aliaj regionoj. Kiom da ŝanĝoj sur landkarto? Sed ili estas nekompareblaj al la ŝanĝoj nevideblaj, la leĝoj, la kondiĉoj ĝeneralaj, la ekonomio kaj plej grave: la nacioj.

La revo fiksi landlimojn laŭ la etnografia konsisto de la loĝantaro, t.e. krei efektivajn « Nacio-ŝtatojn », regnoj kun loĝantoj de sama gento, malsukcesis. Fakto ne diskutebla estas kaj restas ke Centra, Suda kaj Orienta Eŭropo estas lingve kaj rase ege miksitaj, vera Eldorado por specialistoj de tiaj esploroj. La tutan problemon ni konas ja ĉiuj; ĝi estas ankaŭ unu el la kaŭzoj de la giganta katastrofo, kies nevolaj samtempuloj ni estis. Antaŭe oni parolis pri Iredentismo kaj nun estas la « minoritatoj » la naciaj malplimultoj. La packontraktoj starigis certajn kondiĉojn, regulojn kaj vojdirektojn por la protekto de la naciaj malplimultoj. Sufiĉe pri tio: Ĝi ne tute apartenas al nia objekto, tamen ĝi estas ŝtupo por pli bona kompreno.

La akiro de l' sendependeco kaŭzis ekscitiĝon ĉe liberiĝintoj. Ĉiuj batalis, oferis, suferis, por io bela, ideala; atinginte la celon, la allogaj paroloj forgesiĝis rapide kaj parte rekomenciĝis la sama ludo danĝera, kiel antaŭe. Eŭropo troviĝis denove en stato mezepoka je la tempo de l' tridekjara milito; eĉ kleraj homoj forgesis ke Eŭropo malgraŭ lingvoj, rasoj, doganmuroj (pli solidaj ol la ĉina) formas unuecon. Ekkomencis periodo de ŝanĝado, de transformo, de persekuto kaj de forpelo.

La landpartoj aliĝintaj vole aŭ nevole, al la novaj aŭ al la pligrandiĝintaj ŝtatoj, havas parte loĝantaron malsaman al tiu de la naciŝtato. Estas « gastoj », kiel ĝentile tion skribis aŭtoro pri la minoritata problemo. La lokoj loĝataj de tiuj « gastoj » havis nomojn fremdajn por la homogena ŝtato. Laŭ la fama recepto: Unu lando, unu popolo, unu dio », oni komencis ŝanĝi la nomojn de la lokoj havantaj alian ol tiun, kiun preferas la estranta popolo. Etimologio kaj historio devis liveri la pravigon kaj... la baptado komencis. La aspekto de tiu-ĉi problemo prezentiĝas tute malsame. Kelkaj linioj klarigas tion: La baltaj ŝtatoj sub rusa regado ĝis 1917-18 povis konservi parton de la loknomoj, kiuj kelkfoje nur ŝanĝis ortografion. Kelkfoje la fremda nomo estis nur traduko, aŭ konformiĝo al alia ortografio. Multaj malgrandaj lokoj havas germanan nomon, kiu devenas el tempo de l' Teŭtona Kavalira Ordeno koloniiginta tiujn landojn. Kelkaj ekzemploj:

*Estonaj:* Tallin (Reval) Tarto (Dorpat, ruse Jurjev) Viljandi (Fellin) Pärnu (Pernau) Rakvere (Wesenberg) Valgas (Walk) Kuresaare (Arensburg) k.t.p.

*Latvaj:* Daugavpils (Dünaburg, Dvinsk) Liepaja (Liebau) Jelgava (Mitau) Ventspils (Windau, Vindava) Rezekne (Rositten) Cesis (Wenden) Valmiera (Wolmir) k.t.p.

*Litovaj:* Alytus (Olita) Kretinga (Krottingen) Mazeckiai (Muravjevo), Ŝiauliai (Schaulen, Szawli) Taurage (Tauroggen) Ezerénai Zarasai (Neu Aleksandrovsk), Klaipeda (Memel).

El la baltaj ŝtatoj la problemo estis simpla. Ne ekzistis opozicio. Oni toleras la fremdajn nomojn en taga uzado ne atentante ilin. Ankaŭ decidas la graveco: pri vilaĝeto en perdita angulo oni ne disputas, ĉu tiel, ĉu alie.

En Polujo la registaro decidis la nuran uzo de pollingvaj nomoj, antaŭe ekzistintaj. Tiel tuta aro da nomoj de konataj lokoj, troveblaj en leksikonoj kaj en niaj jarlibroj antaŭmilitaj havas tute alian aspekton. Ekzemple: *Bydgoszcz* (Bromberg) *Gniezno* (Gnesen) *Gdingen* (Gdynia) *Grodno* (Gardinas) *Chojnice* (Konitz) *Chelm'za* (Kulm) *Lwow* (Lemberg, Leopol) *Krolewska Huta* (Königshütte) *Grudziadz* (Graudenz) *Inowroclaw* (Hohensalza) *Torun* (Thorn) *Pszczynie* (Pless) k.t.p.

Oni facile rimarkas, ke la estintaj nomoj estas nur alkonformigoj al la fremda lingvo aŭ traduko de l' senco: Königshütte = Królewská Huta. La nacia malplimulto libere povas uzi la proprajn nomojn germanajn, ukrainajn k.a., kiel tio estas konstatebla el enlanda gazetaro.

Multe pli komplika estas la problemo en Rumanujo. Se temis en la aliaj landoj fakte nur pri unu fremda lingvo, en Rumanujo estas almenaŭ tri: Germana, hungara kaj rusa. Ankaŭ en tiu-ĉi lando la registaro fiksis la nomojn kaj pro la malsameco de la loĝantaro, opozicio estis nesama. Tamen ekzistas alia malhelpo, kiu tre komplikas la situacion. Se per iom da fantazio kaj etimologia esploremo oni povas diveni identecon de Brasov kun Brassó, Ĉernauti kun Czernowitz, Chisinau al Kiŝinev, Segesvar al Sighisoara, Timisoara al Temesvar, ktp. ktp. la enigmosolvado haltas tuj ĉe *Alba Julia* = Gyulaféhérvar, Karlsburg) *Cluj* = (Koloszvar, Klausenburg (*Oradea* = (Nagyvarad, Grosswardein) *Sibiu* = Nagyszeben, Hermanstadt *Targu-Mures* = (Marosvásárhely) *Tighina* = (Bender) por nur nomi kelkajn.

Hungarlando, perdinta pli ol la duono de sia amplekso antaŭmilita, havas tre ofte apud hungaraj nomoj, germanan ekvivalenton oficiale uzatan. Kelkfoje tiu-ĉi germana esprimo estas laŭsenca traduko de l'hungara nomo. Ekzemple: (La dua nomo estas la germana) *Pécs* = Fünfkirchen; *Székesfehérvár* = Stuhlweissenburg; *Szombathely* = Steinamanger. Aliaj estas: *Esztergom* = Gran; *Györ* = Raab; *Sopron* = Oedenburg; *Eger* = Erlau, k.t.p. Por Budapest uziĝas iafoje ankoraŭ: Ofen-Pest.

La sudslava reĝlando ŝanĝis la nomojn per registara decido. La principo de l' nomŝanĝo estis sama. Tamen tolerata estas malnovaj nomoj, konataj kiel Agram por Zagreb, Esseg por Osijek, Ragusa por Dubrovnik, Laibach por Ljubljana, Marburg por Maribor, Neusatz (Ujvidék) por Novisad, Spalato por Split. Oficiale valoras nur la fiksitaj nomoj, do la slavaj.

Regno, kiu ne subskribis la klaŭzon pri minoritato estas Italujo, akirinte partojn de Tirolo (Alto Adige) kaj regionojn ĉe marbordo (Litorale). Temas tie pri germanaj kaj slavaj nomoj kiuj parte estas alkonformigoj al latinaj (Bolzanum, Bolzano, Bozen) aŭ tradukoj. (Fiume = Rjeka, Zara = Zadar, Gorizia = Görz).

Specialan situacion kreis la Sovjeta registaro. La recepto estis: Forigo de historiaj nomoj (Petrograd = Leningrad, Caricin = Stalingrad, Simbirsk = Uljanov, Gaĉina = Trockoje) aŭ enkonduko de naciaj nomoj ĉe la aŭtonomaj respublikoj aŭ teritorioj. Jen listo de plej konataj:

| *Antaŭa nomo:* | *Nuna nomo:* |
|---|---|
| Perowsk | Kysil-Orda |
| Petrowsk | Mahaĉ-Kala |
| Simferopol | Akmeĉet |
| Petrozavodsk | Kalininsk |
| Katharinenstadt | Marxstadt |
| Petro-Aleksandrowsk | Turtkul |

Menciinda en tiu ĉi listo estas ankaŭ Norvegujo. Tiu ĉi lando ne militis, ĝia loĝantaro ne estis sub fremda jugo kaj la vivo sin sekvis trankvile. Iam Norvegujo estis sub dana regado (ĝis 1814) kaj ĝis 1905 ĝi estis ligita kun Svedlando en persona unio. La naciisma movado direktiĝis ĉefe al la lingvo; iam dana kaj norvega lingvo estis samaj, dume iom post im la norvega lingvo aparte evoluiĝis. Kelkaj loknomoj en Norvegujo memorigantaj al historiaj okazintaĵoj devis malaperi: Iama Kristiania rebaptiĝis je malnova Oslo, Fredikshall fariĝis Halden kaj dum pasinta jaro oni disputis pri la ŝanĝo de Trondhjem (Drontheim al Nidaros.

Restas unu lando, la ĉeĥoslovaka respubliko. Limanta al Germanujo, okcidente kaj norde (bavara, saksa, silezia landoj) ĝi etendiĝas oriente ĝis la Karpatoj (pola landlimo); sudaj najbaroj estas Aŭstrio kaj Hungarujo. La ŝanĝoplena sorto de tiuj landoj nun unuigitaj en Ĉeĥoslovakio esprimiĝas ja videble en la konsisto de la loĝantaro. Ĉeĥoj, slovakoj, poloj, rutenoj, (slavaj gentoj) germanoj kaj hungaroj. La nombro ankaŭ ludas rolon. Se en aliaj landoj la minoritatoj estas veraj malplimultoj, en Ĉeĥoslovakio la neslavaj enloĝantoj formas tamen 25-30 % de la tuta loĝantaro. Historiaj, geografiaj, demografiaj kaj ekonomiaj cirkonstancoj kreis tute alian fizionomion. Nova baptado de la lokoj komenciĝis en la jaro 1920 per leĝo fiksanta la nomojn oficialajn kun la permesitaj aliaj, plej ofte germanaj. Estas permesita la uzo de germanaj nomoj por multaj lokoj; oficiala nomo estas ĉiam slava (ĉeĥa aŭ slovaka) permesita aŭ tolerata, la germana.

Kelkaj ekzemploj tion klarigu:

| *Oficiala nomo:* | *Uzata aŭ permesita:* |
|---|---|
| 1. Bratislava: | Pressburg; Pozsony. |
| 2. Brno: | Brünn. |
| 3. Cheb: | Eger. |
| 4. Decîn: | Tetschen. |
| 5. Františkovy Lázně: | Franzensbad. |
| 6. Hodonín: | Göding. |
| 7. Jablonec nad Nysou: | Gablonz a.d. Neisse. |
| 8. Karlovy Vary: | Karlsbad. |
| 9. Liberec: | Reichenberg. |
| 10. Praha: | Prag, Prague. |
| 11. Rimavska Sobota: | Rimaszombat. |
| 12. Teplice Šanov: | Teplitz Schönau. |
| 13. Ustí nad Labem: | Aussig an der Elbe. |
| 14. Varnsdorf: | Warnsdorf. |
| 15. Znojm: | Znaim. |

Tiu-ĉi listo enhavas ĉiujn tipojn: De simpla ortografia alkonformigo (2, 6, 10, 14, 15) al traduko (5) aŭ tute nova formo (1, 3, 8, 9). — Oni prezentu al si la plezuron de enlanda poŝtisto, se oni konscias ke temas pri miloj da nomoj leĝe uzeblaj. La formoj ofte estas facile rekoneblaj por tiu, kiu scias ambaŭ lingvojn. Sed kiel vojaĝanto sciu, ke Breclav estas identa kun Lundenburg, Moravia limstacio al Aŭstrio? Komplika mondo!

Apud tiuj komplikaĵoj ekzistas ankoraŭ alia. Gravaj lokoj havas ofte plurajn formojn: Ni citu: Aix-la-Chapelle-Aquisgrano = Aachen; Beĉ, Vienne, Vidén = Wien; Benatky, Venise, Venedig = Venezia; Mailand = Milano; Cologne, Keulen, Kolín = Köln a. Rhein; Ratisbonne = Regensburg; La Haye, Den Haag, Aia = Hago aŭ 's Gravenhage. Sed tio estas nenio kompare al la veraj komplikaĵoj en Orienta, Centra kaj Suda Eŭropo.

Prilaboris: H. J.

Kiu volas scii, kion opiniis nia Majstro pri la problemo de naciaj malplimultoj, tiu legu lian belan leteron « Post la granda milito, alvoko al la diplomatoj », aperintan en tiu ĉi gazeto (Decembro 1915) kaj represita en la bela volumo L.L. Zamenhof. Originala Verkaro (p. 353-357).

El ĝi ni presigas la konkludon. Tiu teksto montras ke la nuna mondo estas ankoraŭ sufiĉe malproksima de lia idealo kaj bezonas nian ĉiutagan laboron kaj komprenemon al sopiroj de l' aliaj, kvazaŭ al niaj propraj. (Red.)

---

D-ro Zamenhof pri ŝtatlingvoj:

« Resumante ĉion, kion mi diris, mi ripetas:

Kiam post la fino de la milito kunvenos la diplomatoj, ili povos fari ŝanĝojn en la karto de Eŭropo; sed tio ne devas esti ilia ĉefa laboro. Ilia ĉefa laboro devas esti: starigi en la nomo kaj sub la garantio de siaj registaroj pli-malpli la sekvantajn leĝojn:

1e) Ĉiu regno apartenas morale kaj materiale al ĉiuj siaj naturaj kaj naturigitaj loĝantoj, kian ajn lingvon, religion aŭ supozatan devenon ili havas; neniu gento en la regno devas havi pli grandajn aŭ pli malgrandajn rajton aŭ devojn ol la aliaj gentoj.

2) Ĉiu regnano havas plenan rajton uzi tiun lingvon aŭ dialekton, kiun li volas, kaj konfesi tiun religion, kiun li volas. Nur en la institucioj publikaj, kiuj ne estas destinitaj speciale por unu gento, devas esti uzata tiu lingvo, kiu per komuna interkonsento de la regnanoj estas akceptita kiel lingvo regna. En tiuj publikaj institucioj, kiuj havas karakteron speciale lokan, anstataŭ la regna lingvo povas esti uzata alia lingvo, se ne malpli ol 9/10 de la urbanoj donis por ĝi sian konsenton. Sed la lingvo regna aŭ urba devas esti rigardata ne kiel humiliga tributo, kiun ŝuldas gentoj mastrataj al gento mastranta, sed nur kiel propravola poroportuneca cedo de la malplimulto al la plimulto.

3e) Pro ĉiuj maljustaĵoj, farataj en ia regno, la registaro de tiu regno estas responda antaŭ Konstanta Tut-Eŭropa Tribunalo, starigata per interkonsento de ĉiuj eŭropaj regnoj.

4e) Ĉiu regno kaj ĉiu provinco devas porti ne la nomon de ia gento, sed nur nomon neŭtrale-geografian, akceptitan per komuna interkonsento de ĉiuj regnoj.

Sinjoroj diplomatoj! Post la terura eksterma milito, kiu starigis la homaron pla malalten ol la plej sovaĝaj bestoj, Eŭropo atendas de vi pacon. Ĝi atendas ne kelktempan interpaciĝon, sed pacon konstantan, kiu sola konvenas al civilizata homa raso. Sed memoru, memoru, memoru, ke la sola rimedo, por atingi tian pacon, estas: forigi unu fojon por ĉiam la ĉefan kaŭzon de la militoj, la barbaran restaĵon el la plej antikva antaŭ civilizacia tempo, la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj. »

# Literaturo

## Proceso pri kolbasoj

Ho Belmont, Ŝvarc, Kaloĉaj, Baghy, poetoj famaj en Esperantujo, kiu el vi kantos en versoj harmoniaj la grandan proceson de l' kolbasoj en Mecklenburg-Schwerin?

En Demen, urbo ĉarma, la popolon dividas batalo terura ĉe la tribunalo. Bardell kontraŭ Pickwick, ludita en Kembriĝo, Zola-Dreyfus afero, revekita per kino, kio estas ili kompare? Nuraj infanaĵoj.

Sed pri la kolbasoj en Demen oni rakontos ankoraŭ longe kiam eĉ la kapitano de Koepenick estos jam forgesita.

— Nu kiu li estis?

— Ne faru demandojn dum paĉjo parolas.

La proceso pri kolbasoj entenas gravan juran flankon. Se ĝi okazus en Silezio anstataŭ en Mecklenburg, vi jam aŭdus pri ĝi en Genève ĉe la Ligo de Nacioj kaj en Hago ĉe la Tutmonda Kortumo.

— Pri kio temas do?

— Pri kolbasoj, kiel jam dirite. Sed ne Salami kun suspekto pri azeno, nek Boudin el sango nigra, nek Oksforda aŭ Kembriĝa kun mustardo pika, nek Frankfurta, nek Viena kun biero munĥena, nek ega Mortadella, nek Gotha, nek Leberwurst griza kaj mola. Temas pri Mettwurst por meti sur buterpanon. Mettwurst kaj eklezio.

— Eklezio?

— Jes Mettwurst-kolbaso kiel impoŝto historia, tradicia kaj laŭleĝa por kovri la elspezojn de diservo kaj diservantoj. Saĝa malnova kutimo, kiu antaŭvidis tiujn malbenitajn tempojn, kiam nura mono perdis ĉiun valoron kaj fariĝis papera ĉifo.

Anstataŭ admiri la saĝon de pripensemaj prapatroj, iuj posedantoj de tero en Demen forgesis pri ĝi. Tiun teron honoras jam de centjaroj la malpeza devo pagi la kolbasojn al Eklezio. Ili simple ignoris ĝin.

La Eklezio plendis. Ili malaŭdis. La Eklezio memoris pri la muelisto de Sans-Souci, kiu ne cedis eĉ al reĝo Frederiko, ĵaluzanta lian kampon, kaj respondis al minacoj: « Ni havas juĝistojn en Berlin! »

Al juĝistoj iris do la pastro kaj li gajnis la proceson.

La kolbasojn devos liveri ĉiujare la terposedantoj, regule cent tridek funtojn dum unu jarcento kaj duono. Kion do fari?

Pagi. La kolbasojn oni do liveris por la forgesitaj tri jaroj.

Bona afero, kiel diras la ukrajna rakonto. Ne tre. Kial? Ĉar la pastro gustumis la kolbason kaj trovis ĝin ne taŭga.

Malbona afero. Ne tre. Kial? Ĉar la pastro denove plendis al juĝistoj kaj spertuloj enketis oficiale.

La liveritaj kolbasoj estas ja manĝeblaj, sed ne el tiu nobla speco, kiun laŭ leĝo kaj tradicio la Eklezio rajtas ricevi. En ili kuŝas tro da bovaĵo, ne sufiĉe da porkaĵo.

Estas ja tute alia afero. Bovo? kiu deziras manĝi bovojn, mortigi tiujn grandajn mildajn bestojn, kun okuloj kompatemaj?

Ne mirinde, ke Hindoj ilin respektegas, eĉ Gandhi prikantis ilin kaj tuj oni tradukis esperanten lian eldiron pri bovoj kaj bovinoj.

Cetere ne necesas tiom profunde serĉi. Mettwurst, la vera kolbaso, postulas ruĝan porkaĵon, ne grizan bovaĵon. La mankon tuj konstatis eminentaj inspektoroj el Rostock.

Sekve la tutan vanan kolbasaron oni redonis al la kulpaj trompintoj, kiuj devis mem ĝin manĝi, kiel puno, matene ĉe kafo anstataŭ marmelado, tagmeze ĉe supo sur nigra pano, vespere ĉe teo kun buterbulkoj. Konstanta regalado.

— Ĉu la nova livero estis pli taŭga?

— La nova? Ĝi ne venis. La posedantoj de la tero havas nun « ĝis tie » pri la kolbasoj kaj la tuta afero.

Ili ne volas plu cedi.

— Kaj la Eklezio?

— La Eklezio ja postulas tion, kion ĝi rajtas, kaj la proceso daŭras. Pliajn detalojn donos eble la delegito de UEA, sed pri unu ne valoras eĉ elspezi la respondkuponon.

— Pri kio do?

— Pri la honorario al advokatoj. Ĝi certe ne konsistas el kolbasoj.

Naivulo.

## La mankinta cenero.

**(Oni elfosis pra-hominan kranion apud Pekino)**

De Edw. H. Ede.

*Jen mankinta la ĉenero*
*Elfosita ĉe Pekin',*
*Kies daŭra malapero*
*Tiom ĝenis al Darwin'*
*(Pase, pro la simi-homo*
*Kial ŝvite fosas ni,*
*Dum, babile ĉe la domo*
*Tedas nin la hom-simi'?)*

*Fraŭlina kraniaĵo!*
*Taŭga por la muŝpensar',*
*Elkovita de l' cerbaĵo*
*De laŭmoda virinar'.*
*Ho! Mistera pra-avino,*
*Fonto de la homa gent'*
*Laŭkonsente ne homino,*
*Po precize cent po cent.*

*Ĉu ekzemple via vosto*
*Jam modeste kaŝis sin*
*Kiel rudimenta osto?*
*Diru, Evo pra-avin'!*
*Siblis ĉu al Vi Satano*
*Forka-lange en ĝarden':*
*« Gustu, spite de l' tirano*
*Frukton de la scio — jen! »*

*Vi manĝetas — mi pripagas.*
*Ĉe kalkano luŝas vin*
*La serpento — kiel agas*
*Via ruza pranepin'?*
*Ŝi por venĝi la pikitan*
*Karnon, rozan ĉe kalkan',*
*Portas ŝuon fabrikitan*
*El la haŭto de Satan'!*

## Maryčka Magdon

De Petr Bezruĉ.

Peter Bezruĉ, pseŭdonimo de la ĉeha poeto Vladimir Vasek nask. 17. Sept. 1867 en Opava-Troppau. Verkis poeziaĵojn el la vivo de ministoj, pentrantajn realisme la socialan mizeron de la laboristoj, precipe en Silezio. Ni prezentas tie ĉi poeziaĵon el la kolekto « Sileziaj Kantoj ». En n-ro 362-63, Okt.-Nov. 1930 jam aperis alia poeziaĵo « La Karbministo ». En la nuna poemo, la vortoj Ostrava, Staré Hamry, Frydek, rilatas al lokoj en la silezia karboregiono.

*Hejmen foriris el Ostrava Magdon,*
*haltis vespere en Bartov-brandejo,*
*falis en foson kun kapo rompita.*
*Ploris filino lin, Maryĉka Magdon.*

*Falis renverse vagono kun karbo.*
*Mortis sub ŝarĝo vidvino de Magdon.*
*Orfoj kvin ploris en Hamry Malnova,*
*orfo plej aĝa ŝi, Maryĉka Magdon.*

*Kiu nun zorgos ,satigos nun ilin?*
*Ĉu vi patrino por ili fariĝos?*
*pensas vi, koron ne havas riĉulo,*
*kiel ĝin vi havas, Maryĉka Magdon?*

*Estas sen fino arbaroj de l' grafo.*
*Liaj minejoj mortigis la patrojn,*
*lignon kolekti ĉu orfoj nun rajtas,*
*kion do diras vi, Maryĉka Magdon?*

*Maryĉka, frostas kaj mankas manĝaĵo...*
*En la arbaroj da ligno sufiĉe...*
*Estro Marchfelder vin vidis forpreni,*
*ĉu li silentu ĝin, Maryĉka Magdon?*

*Kian do trovis vi al vi fianĉon?*
*Ĉapo kun plumoj, sur ŝultro pafilo,*
*frunto severa, al Frydek li marŝas,*
*iros vi kune nun, Maryĉka Magdon?*

*Kia knabino fianĉa vi estas?*
*Kapo klinita, okuloj kaŝitaj,*
*larmojn amarajn kaj varmajn vi ploras,*
*kio ĉagrenas vin, Maryĉka Magdon?*

*Tie en Frydek sinjoroj, fraŭlinoj*
*moke vin vokos per vortoj malicaj,*
*vidos vin ankaŭ la estro Marchfelder.*
*Kiel vi sentas vin, Maryĉka Magdon?*

*Restis birdidoj en ĉambro malvarma,*
*kiu nun zorgos, satigos nun ilin?*
*Homojn malriĉajn ne zorgas sinjoro.*
*Kio en via kor', Maryĉka Magdon?*

*Maryĉka, kruta rokaro ĉe l' vojo,*
*muĝas malsupre kaj kuras al Frydek*
*ŝaŭma, sovaĝa river' Ostravice.*
*Ĉu vi ĝin aŭdas, knabino montara?*

*Salto al flanko, kaj ĉio finita.*
*Nigran hararon alkaptis la roko,*
*sango ruĝigis la blankajn manetojn,*
*Dio pardonu vin, Maryĉka Magdon!*

*Apud tombeja mur' en Staré Hamry*
*tomboj perditaj sen krucoj kaj floroj.*
*Tie ripozas sin mem mortigintoj,*
*Tie ripozas do Maryĉka Magdon.*

Trad. R. Hromada.

## Albatroso

De Charles BAUDELAIRE

*Kelkfoje, por amuzo, ŝipanoj kapt-akiras*
*Grandegajn albatrosojn, ventbirdojn de la mar',*
*Kiuj, indiferentaj vojaĝkunuloj, iras*
*Post ŝip' glitanta super amara abismar'.*

*Kaj kiam ili estas metitaj ŝipoplanke,*
*Ĉi reĝoj de l' lazuro, mallerte, kaj kun ĝen',*
*Flugilojn grandajn, blankajn, jen, trenas ambaŭflanke,*
*Kiel remilojn pezajn, kun kompatinda pen'.*

*Ĉi vojaĝant' flugila inerte nun hezitas,*
*Jus nura belo, kaj nun — malbel' komika jam.*
*Jen, iu ĝian bekon per kurba pip' incitas,*
*L'alia, ĝin, fluginton, imitas dum la lam'.*

*Similas la poeto al tiu princ' de nuboj,*
*Kiu tempeston ĝuas, kaj ridas je l' pafant',*
*Kaj kiun tere, sube, ĉe mokrideg' de buboj,*
*Malhelpas iri ĝiaj flugiloj de gigant'.*

El la franca: K. Kalocsay.

## Tra la libraro

### Hura!

Lastan monaton, mi plende konstatis svarmadon de sensignifaj broŝuroj, mankon de veraj libroj, ampleksaj volumoj. Hura ! mi povas nun krii, ĉar jen dika romano, pli ol kvarcentpaĝa, bele presita sur bona papero. Kaj dua hura ! ĉar ĝi estas nova orginalaĵo de nia ŝatata Baghy. Rimarkinda verko pro la idealo multloke elokvente proponata, pro la strangeco de l'temo, pro la facileco, viveco, lerteco de l'stilo. Ne ĉiujare ni povas saluti tian novan stelon sur nia literatura ĉielo.

Ne utile, ne eble, resumi la scenaron. La aŭtoro intencis pripensigi nin, trakti gravajn sociajn etikajn problemojn, sed elektis formon ironian, amuzan, eĉ burleskan ; tiu ega kontrasto inter la seriozaj kaj humoraj partoj estas la ĉefa trajto de Hura ! Jam ĝia subtitolo diras : « Ne romano, nur grimaco ». La moto, la dediĉo, pruvas kiom serioza rigardas sian verkon la aŭtoro ; kion li celis : « Novan etikon por la nova Homo de la pli bela estonteco ». Sed la studon de tiu nobla homara progreso li miksis kun ŝercaĵoj, mokaĵoj, agitado de karikaturuloj, komikaj aŭ mistifikaj aventuroj, vivo de popolo kaj urbanaro efektive vidataj en la « Kurba spegulo » intence elektita. Nu, certe tiu dueco, kiu tute apartigas la novan romanon, ankaŭ estas ĝia diskutebla propraĵo ; oni rajtas opinii, ke la senbrida ŝercemo de kelkaj ĉapitroj iom misefikigas la instigojn al pli bela estonta mondo.

Satira kovrilbildo anoncas la variecon de l'romano, kaj du tre modernstilaj lignogravuraĵoj, ties du partojn. La Kulturhomo, la unua, la pli mallonga estas la plej lerte aranĝita, vera inkubsonĝo. La alveno de Cezaro Grauer

en Strutmagen, lia renkonto kun la impresario kaj teatrestro, la testamentita letero de lia ŝajna patro, kaj ties konfeso, estas strange impresaj. En la dua parto, Postmorta grimaco, viciĝas la scenoj romanecaj, kortuŝaj aŭ satiraj, ridigaj, en tre variaj ĉapitroj. La portreto de Tamara, tiu junulino dotita de stranga kapableco diveni la pensojn de aliaj, la geedzaj disputoj de l'notario, la genieco iom post iom altrudata al li, lia enhejma estriĝo, la renkonto de senespera Cezaro kun Tamara, la debatoj inter la reĝo kaj lia filo, jen epizodoj neelviŝigeblaj el la memoro de l'leginto. Iom strange estas, ke junulino estas tiel klera pri filozofiaj, etikaj demandoj kaj tro profesore predikas. Iom ĝenaj estas la spritaĉaj nomoj de l'personoj : reĝkonsilanto Orel de Pord, generalo Venknejam, urbestro Jenlafiŝ, policestro Mordlanaz, dancistino Kaptuŝin, sinjorino Dornpik, buĉisto Hakperman, judo Monenpoŝ, kaj ceteraj. Sed inter la interesaj pripensoj, en la rapida sinsekvo de l'okazoj, malaperas tiuj detaloj, kiel makuletoj en vasta kolorriĉa multpersona fresko.

Pri la stilo, bona, ofta je lertaj esprimoj kaj trafaj parolturnoj, oni rimarkas :

Abundan uzon de l'klarecnominativo : « Nur en la sonĝomondo vivantoj povas mensogi la homon tiel bela. — La konfido senvestigas la animon nuda. — La infanoj pensas la fabelon bela. — La bela estonteco edukas lin pura, komprenema kaj justa. »

uzon de adjektivo sola : « Neniam oni spertis tian kuriozan. — Kiel vi povas diri tiajn pri viro. — Tamara portis surplade la necesajn por la tablopretigo. — Li neniam pensis pri ŝi kun alia sento ol la malforta pri forta. »

forlason de antaŭverba prepozicio : « Mia filino estas la feliĉa fari tion. — Oni naskiĝas reprezenti idearon ĉu bagatelan ĉu grandiozan. — La enhavo ne taŭgas por nervoj malfortaj porti la kruelan realecon. »

eĉ foje strangan frazkonstruon : « Ŝi rememoris, ke antaŭ semajnoj kiel trompis ŝin la ŝajno. »

Multaj kunmetaĵoj estas tre taŭgaj : « petvibra, kortikla, orelfende, kokincerba, barelgracia, helpopete, aktovermo » ; kelkaj ne unuavide kompreneblaj : « gastrolado, predikpiko»; ankaŭ kelkaj specialaj esprimoj : « gapi, ozono, kap-al-tere » tro ofte revenas.

Pri la radikoj mem, ŝajnas ke « orfeono » en senco de varietea teatro, « periferioj » por antaŭurboj, « piramidale, (piramide), postskripto, (postskribo), detronizi, (detronigi), ne estas konsilindaj. Inter la neologismoj, montrataj aŭ ne en fina listo, kelkaj estas akceptindaj : hurio, langvoro, rekviri, nana, pimpa, sefo, stumbli, svelta, ŝminki ; aliaj : ĉekano, ŝisipi, kampanio, masakri, sakri, ŝezlono, eskapi, (fuĝi) spektatoro, produkcio, ruĵo, ne estas nepre necesaj. Fine kelkaj preseraroj restis, ĝenetaj kiam ili kvazaŭ kreas alian vorton : vesti, krieta, fienoj, por resti, kreita, feinoj.

Sed plivole ol tiu serĉado al riproĉindaĵetoj, en ĉiu verko troveblaj, oni rimarku, kiom elegantaj, poeziaj estas multaj frazoj, kie harmonias ideoj kaj vortoj : « Ankaŭ Tamara altabliĝis. La forkoj, tranĉiletoj tintis, la samovaro zumadis kaj el iu najbara domo aŭdiĝis la kantado, akompanata de harmoniko, de la gajaj vilaĝanoj. Ne forte, nur mallaŭte, de malproksime, kiel memoro de detruita pasinteco. » Aŭ oni sentu la amarecon de tiuj konstatoj pri la hipokriteco de l'societa vivo : « Tro frue mi spertis, ke la lakeoj havas profesorajn ambiciojn kaj la profesoroj preferas la kutimojn de la lakeoj. — Malgraŭ la etiketa masko de la societo, mi sentis min ofte virĉevalo en la bredejo. — Aperis tie eminentaj eklezia kaj politikaj plenblovitoj, la plej famaj pozmajstroj de la scienco, aristokrataj amatinoj kaj amatinpagitaj aristokratoj. »

Kiu fantazie imagas tiom da neatenditaj sinsekvaj implikaĵoj, eĉ burleskaj, estas talenta verkisto ; kiu vice tiel lulas per la melodio de l'stilo, kaj skurĝas per la vipo de l'ironio estas artisto, li majstre fleksigas nian lingvon.

15 februaro 1931.

G. S.

---

# Turismo

## Milano kaj Lagoj de Lombardio.

---

Eble la leganto konas la organizaĵon *Itala Turisma Klubo* (Touring Club Italiano). Tiu Asocio, forta je 400.000 membroj, perfekte organizita kaj administrata, estas la plej potenca privata instituto de Italio kaj unu el la plej potencaj turismaj asocioj el la tuta mondo. Ĝia morala influo en Italio estas grandega.

El ĝia verkaro pri geografio kaj turismo la plej konata parto estas la granda kolekto el turismaj *Gvidlibroj pri Italio,* kiuj jam disvendiĝis en nombro de 4 milionoj da ekzempleroj. Krom tiuj en itala lingvo, ĝi verkis paralele ankaŭ Gvidlibrojn en lingvoj angla, franca kaj germana.

Jam en pasinto, TOURING CLUB ITALIANO pristudis la demandon, ĉu ĝi verkos kolekton el Gvidlibroj pri Italio ankaŭ en Esperanto. Sed la malfacilo estis ĉe la disvendo. Kutimaj eldonoj de Gvidlibroj en nacia lingvo (ni parolas pri unuarangaj kaj kulturaj Gvidlibroj, kiel Baedecker, Guides Bleus, Touring Club Italiano kaj similaj) estas de pluraj dekmiloj da ekzempleroj. Tioma eldono, kiel estas facile antaŭvidebla, ne vendiĝus inter esperantistoj.

Tamen antaŭ unu jaro Touring Club Italiano konsentis plue esplori la aferon en kunlaboro kun italaj esperantistoj. Konkludo estis, ke ĝi decidis eldoni *prove* unuan volumon de la proponata kolekto en Esperanto, je financa risko de l'esperantistoj, sed sub ĝia teknika kaj ĝenerala zorgo, kaj kiel propran verkon. Tiu volumo estas Gvidlibro pri MILANO KAJ LAGOJ DE LOMBARDIO, belege presita kaj bindita eldono, 112-paĝa, kun 9 kartoj kaj 6 planoj, kiuj estas la plej aktualaj kaj bonaj, kiujn oni povas trovi en simila volumo. Touring Club Italiano subtenis ne nur morale, sed ankaŭ finance la eldonon, metante senprofite je ĝia dispono tiun ĉi belegan kolekton el kartoj, kiuj triobligas la valoron de la verko.

Pri la praktika utilo de la libro sufiĉu nur diri, ke ĝi egalas la plej bonajn en nacia lingvo. En la antaŭparolo, verkita de Touring Club Italiano, estas frazoj kiuj devos solene admoni ĉiun samideanon : « T.C.I. konsentis kunlabori kun italaj esperantistoj por preparo de eldono de sia Gvidlibro en Esperanto ; ankaŭ opiniante ke la disvastiĝo de ĝiaj volumoj prezentos eble la plej decidan provon por juĝi pri la praktika valoro de la helpa lingvo komuna ». Kaj pli poste : « ... verko dediĉita ne al entuziasmo, sed al praktikaj postuloj de la esperantistoj ».

Nun ni, kiuj dum longaj monatoj laboris por la traduko kaj faris ĉion eblan, por ke ĝi estu kiel eble perfekta, atendas *nian* premion de la samideanoj el la tuta mondo. Ni atendas la rapidan elĉerpiĝon de la libro. Ne forgesu ke nur se la unua provo sukcesos, tiam la apero de la tuta kolekto estos certigita.

Interalie, ĝi povos prezenti tre favoran deirpunkton por

pretigi iom post iom tuteŭropan kolekton el bonegaj Gvidlibroj, sub unueca direktado kaj en daŭra kunlaboro: impona verko, kiu metus definitive Esperanton preskaŭ en unua vico por la klera turismo, kiu ne satiĝas per la hotela poligloteco.

La sukceso de la nun prezentata Gvidlibro pri Milano estas la kerna kaj decida punkto de la sorto de Esperanto en Italio kaj de ĝia sorto en la granda turismo.

La belega volumo, taŭga por vojaĝo, por studo kaj por donaco, estas aĉetebla ĉe:

TOURING CLUB ITALIANO, Corso Italia, 10, MILANO,
Esperanto-Centro Italia, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano.
Turisma Servo de UEA, 1, Tour de l'Ile, Genève. (Svis.)

---

# Lingvaj studoj

---

### Pri fremdaĵoj.

*Fidela leganto de nia gazeto en Bulgarujo skribis al nia redakcio kortuŝan leteron por plendi pri tio, ke nia gazetaro kaj literaturo nun uzas tro multe da novaj radikoj. Eĉ sur la listo aprobitaj de l'Akademio nia samedeano trovus iujn el la fremdaj « gastoj », kiujn li ne bonvenigas en nian lingvon.*

*Li petegas nin ĉiujn uzi* malzorgi *aŭ* preterlasi *prefere al* neglekti *kaj ne forgesi, ke la plimulto de legantoj estas « malriĉaj homoj nesciantaj alian lingvon krom Esperanto ».*

*Kun lia alvoko mi tre simpatias. Eĉ tiom, ke mia tuta verkaro en Esperanto certe ne provis enkonduki eĉ dekon da novaj radikoj. La materialo trovebla en Zamenhofa verkaro sufiĉas por multon esprimi, speciale se oni penas ĝin valorigi per interna kunmetado anstataŭ ĉiam rigardi eksteren kun pruntema envio.*

---

En tiu ĉi gazeto ni jam plurfoje montris la malsolidan bazon de tiel nomitaj « internaciaj radikoj » sur la kampo de la senco. Nia bulgara korespondanto pledas por homoj nesciantaj fremdajn lingvojn. Ni ŝatas lin konsoli per aldona rimarko: tiuj, kiuj lernis multajn lingvojn krom Esperanto kaj la sia, tiuj fariĝas ankoraŭ pli malfidemaj.

Kial? Ĉar ili konstatas kun teruro ke *akademi'* signifas en unu lingvo koncerton, en alia nudan figuron, muzikan lernejon aŭ instruan instituton kaj *kontrol'* signifas angle *regi* kaj france *ekzameni*.

Pro tio, ĉiufoje kiam ni povas trovi taŭgan esperantaĵon por ion esprimi klare kaj ĝuste, ni gardu nin de blinda prunto el ekstero. Kunmetaĵoj kiel *interkonsento* estas miloble pli solidaj en kompreno ol *konvencio*. La unua havas la bazon en nia lingvo, kiun ni ĉiuj konas. La dua havas la sian en tri aŭ kvar lingvoj, kie ĝi signifas malsamajn aferojn. Do pravas nia bulgara samideano eĉ pli ol li mem intencis.

Tamen li atentu pri uzo de la aŭtoritato de Zamenhof. Nia Majstro neniam volis haltigi la riĉiĝon de la lingvo. Male li mem estis malpli konservativa ol multaj el ni kaj donis ekzemplon de konstanta kaj liberala prunto el ekstero. Li ja rajtis pli ol iu ajn.

Estis ankaŭ lia ideo, ke Esperanto devas progresi kaj kreski laŭ samaj leĝoj kiel ceteraj vivantaj lingvoj. Se mi rajtas do kontentiĝi je malnovaj radikoj en propraj artikoloj, tion mi ne rajtas « el katedro » trudi al ĉiuj aliaj. Kiu verkas ion por nia gazeto skribas per sia stilo, ne per la mia kaj rajtas je reciproka respekto. Ne nur nia bulgara leganto sed ankaŭ la redaktoro mem ofte malŝatas novan radikon uzatan de tiu aŭ alia kunlaboranto. Sed certa parto de la juĝo devas aparteni al la publiko. La uzo mem vivigas aŭ mortigas novajn radikojn laŭ konstato de D-ro Zamenhof.

### Nomoj.

Dua plendo de bulgara leganto rilatas je nomoj de lokoj aŭ personoj. Li memorigas, ke miloj da slavaj esperantistoj kutimas hejme je alia alfabeto ol la latina.

En siaj naciaj gazetoj ili do legas fonetikajn transskribojn, kiel *Ŝekspir* anstataŭ Shakespeare aŭ *Njujork* anstataŭ New York. Male ĉiuj popoloj uzantaj latinan alfabeton kutimas legi fremdajn nomojn en la ortografio de ties nacio, eĉ se ili rezulte elparolas ilin abomene. Kiu ne aŭdis ĉarman parizan modistinon laŭdi la vestojn de *High Life?* Ŝi elparolas *iglif* anstataŭ *hajlajf*, ĉar ŝi ne scias anglan lingvon.

Laŭ elparolo certe la serboj, bulgaroj, ukrajnanoj aŭ rusoj gajnas per sia sistemo. Ili ŝatus, ke ni faru same en Esperanto kaj presu fonetike la nomojn. Sed kiu rekonos la prezidanton de la Pariza Komerca Ĉambro, se mi devus skribi *Bode* anstataŭ *Baudet*. Nur la Orientanoj.

La S A T eldonaĵoj, kiuj dividas sian legantan publikon inter Sovetaj kaj okcidentaj landoj, uzas ofte la duoblan sistemon. En flama ribelkanto mi legis pri *Pŭenkare* kaj mi ĝojis trovi parentezon kun (*Poincaré*) por min certigi pri kiu temas.

Plej kontentiga solvo por ĉiuj estas efektive doni ambaŭ formojn, la skriban kaj la elparolan: *Genève* (ĵnev). Se oni ne havas tempon aŭ lokon, la ĝisnuna uzo donas la preferon al la skriba, ĉar ĝi pli gravas por adresoj kaj dokumentoj.

E. P.

---

## Tempo forpasinta

(Al mia amiko Saldanha Carreira.)

*En nokto lunbrila de tempo pasinta*
*La revoj vagadis de montoj al valo...*
*Sed suno leviĝis en tago sekvinta,*
*Ekmigris animo al vivobatalo.*

*Kastelojn marmorajn kun sorĉaj feinoj,*
*Ĝardenojn aerajn kun floraj arkadoj*
*Kaj templojn majestajn kun mitaj deinoj*
*— Jam ĉion frakasis la Tempo-kuradoj!...*

*Mirakloj kreitaj de la fantazio*
*— Lulintaj la vivon dum la infaneco —*
*Nun estas apenaŭ la blanka lilio*
*En stranga bukedo de plaĉa dolĉeco.*

*Okuloj rigardas la tempon estintan,*
*Sed ili nur vidas, tra fuma vualo,*
*Tre larĝajn ruinojn — la dise falintan*
*Mirindan revaron de la idealo.*

*De land' iluzia la turo ebura*
*Fariĝis en nubon... ne restas plu io...*
*Kaj nur en spirito — trankvila, plezura —*
*Restadas ankoraŭ amata vizio.*

*La revojn mortintajn ankoraŭ karesas,*
*Kiele relikvo, avare la koro...*
*— Neniam la aĝon infanan forgesas,*
*Tra tuta la vivo, la kara memoro!*

Lisbono. Luzo BEMALDO.

# Universala Esperanto-Asocio

**Nuna stato de UEA — Nia konkurso — Nova Servo — Optimismo.**

La plilongigo de la dato ĝis kiam oni rajtas ricevi la premion de frupago kaŭzis, ke la aliĝoj ja eniris alimaniere ol en la pasinta jaro. Dum 1930 la rajto je la premio finis je la 31a de Decembro 1929, dume por 1931 ni fiksis kiel lastan daton la 31*an de Januaro*. Tio sekvigas ke la ciferoj ne estas identaj al tiuj de 1930. Ni konigas ilin kiel kutime en la Oficiala Informilo aldonita en tiu ĉi numero. Tre bone respondis la alvokon je repago la membroj en jenaj landoj : Belga, Brita, Ĉeĥoslovaka, Franca, Germana, Itala, Nederlanda, Sveda, Svisa kaj Usona. Ili pli malpli statas same kiel dum pasinta jaro. La samon ni ne povas diri pri Aŭstralio, Aŭstrio, Bulgarujo, Hispanujo, Finnlando, Hungarlando, Jugoslavio, kaj la tuta aro da landoj mez- kaj sudamerikaj. Nova danĝero venas : Falo de monkurzo en Aŭstralio, en Argentino, Brazilo kaj Hispanujo. Unu sola tia fakto ne maltranviligus nin. Sed pluraj, tio ŝanĝas. Konata fakto estas ke la salajroj ne supreniras same kiel falas la mono. Tiel ni ne povas tuj sekvi per proporcia altigo al la senvaloriĝo. El mez-amerika insulo, kie agrar-ekonomia krizo senoficigas milojn da homoj, ni ricevis jenan tipan informon :

*Karaj samideanoj, Tute ne. Mia ne-realiĝo al UEA estas ne ŝuldata al momenta ĝeno aŭ malatento, sed nur al la malfeliĉa manko de mono. Dum 1930 oni malaltigis mian salajron kiel al la tuta oficistaro je 50%. Konsekvenco de la krizo, la fama mondkrizo kiu atingis nin ankaŭ.*

*Sed mi ne perdas la esperon baldaŭ trovi min en la bela trupo de la UEA esperantistaro. Verŝajne por la monato Julio... se oni ne maldungos min.*

*Intertempe sendu al mi ofte iun papereton, iun eĥon el la esperantista mondo. Vi ankaŭ estas tre speciala gento: Kiel la edzinoj, nur scias peti monon. Kaj mi nun monon ne havas. Mi estas UEA ano de ses jaroj.*

La ŝatata samideano komprenu ke por sendi « paperetojn » necesas ke ni disponu ankaŭ je la rimedoj.

Ke estu tamen ĝojiga fakto ni povas anonci, ke la nombro de la Subtenantoj (pagantaj 25 Frk. svisajn) jam atingis, dum ni presas tiun numeron, la sumon de tricent. La listo en la Oficiala Informilo indikas ĝis ducent. Por ke ni povu venki la malhelpojn, ni bezonas ankoraŭ sescenton. Kiu sekvos ?

Ni konstatis, ke el la eksiĝoj ricevitaj la plimulto estas pro senlaboreco. Doloriga estas por ni, forstreki malnovan amikon, fidele pagînta la kotizon dum jaroj Ĉu ne estas kvazaŭ ano de familio foriĝanta kaj vaganta en fremdlando ? Tiajn fidelulojn oni ne povas tiom simple forstreki per blua krajono. Estas io alia ol la fama « *gasto-membro* » aliĝante, eksiĝante, realiĝante k.t.p. Tiel la estraro de UEA decidis konsenti jenan favoron :

1. *Anoj de UEA (Membro-abonantoj) seninterrompe pagintaj de 1921 ĝis 1930 kaj ne povantaj pagi la kotizon por la nuna jaro pro senlaboreco, povas esti registrataj je simpla peto senpage dum la nuna jaro. La Delegito de UEA konfirmu la fakton, sur la demandletero.*

2. *Aliaj anoj senlaboraj kaj ne povantaj pagi, povas ĝui favoron de 20% rabato sur la kotizo de Membro kaj Membro-abonanto. La loka Delegito konfirmu same tiun fakton. Tiam loka Delegito nenion deprenu de la kotizo por ke la Kaso de UEA ne tro suferu.*

Ni memorigas ke la konkurso por teksto de nova propagandilo moderna, finos je la 31a de Marto 1931. La longeco estas fiksita je trimil literoj, kio proksimume korespondas je la duonpaĝo de ESPERANTO, sama literaro kiel ti ĉi artikolo. Dezirinde estas aldoni allogan desegnaĵon, kiu en formo okulsaltanta karakterizas la tekston. Ne-uzindaj estas apoteozoj, virino kun flamanta torĉo, kvinpinta stelo lumiganta la malhelan mondon, ankaŭ ne la Babela turo k.t.p. Moderna, rilatanta al la nuna vivo kaj vivpercepto.

La Servo de Libertempejoj esperantistaj, starigota definitive post aprobo de la komisiono de UEA, celas konsili al samideanoj taŭgan hotelon aŭ pensionon por pasigi libertempon. Hotel- aŭ pensionestroj parolantaj la lingvon aŭ disponantaj je personaro scianta la lingvon, bonvolu sin anonci por tiu servo. La kondiĉojn aŭ regularon ni konigos en la sekvonta numero de ESPERANTO.

La Jarlibro 1931 nun estas sinsekve korektata kaj presata kaj ni esperas, ke ĝis la fino de la nuna monato ĝi estos sendopreta, tiel ke ĝis pasko la plimulto de la membroj havos ĝin. Ĝi estas bonega propagandilo kaj espereble altiros novan aron da membroj al nia Asocio. En la ĉefa parto, la Adresaro, konstatiĝas senbrua progreso, certe pli granda se ne estus la cirkonstancoj, kiujn vi ja ĉiuj konas. Malgraŭ ciuj batoj de l'sorto, antaŭeniro de nia ideo estas konstatebla. Kio necesas hodiaŭ estas konkordo, pacienco kaj persisto.

**Ni fosu nian sulkon.**

Hans Jakob
*Direktoro de UEA.*

# Tra la Mondo Esperantista

## Profesoro Samojloviĉ pri Esperanto

Profesoro Samojloviĉ, la kuraĝa esploranto de malproksima nordo, kiun konas la tutmondo kiel la savinton de la itala polusa ekspedicio en la jaro 1928, deklaris sin sincera amiko de Esperanto.

La paroladoj de Samojloviĉ, kiujn li aranĝas en diversaj eŭropaj urboj, estas laŭ enhavo ĝuo por la aŭskultantoj. La 9an de Decembro post la reveno de sia nova ekspedicio li vizitis denove la urbon Praha. Per simplaj vortoj li raportis pri siaj vojaĝoj, kiaj ne estis jam antaŭe faritaj. En plej grandaj glacirompaj ŝipoj de la mondo, la « Krasin » kaj « Sédov », li venis en ekstreman nordon por fari tie sciencajn laborojn. Dum la ĵus pasintaj monatoj li starigis en la Lando de Francisko Josefo kaj en la Norda Lando radiostaciojn, kies regulaj informoj estas gravegaj por la meteorologio de la cetera mondo.



S-ro Otto Ginz, nia Delegito en Praha, kiu tradukis la koncernan norvegan verkon « Aerŝipe al Norda Poluso », havis okazon paroli kun tiu eminenta sciencisto kaj aŭdis de li interesajn deklarojn koncerne nian komunan lingvon.

Jam en komenco de la interparolado diris prof. Samojloviĉ, ke li estis ĉiam amiko de Esperanto kaj ke li konsideras tiun lingvon kiel plej gravan rimedon por pli efika kunlaborado inter la nacioj.

Li priskribis, kiom da lingvoj estis necesaj por interkompreniĝi kun la savitaj anoj de la itala ekspedicio kaj en kiom da lingvoj devis esti tradukitaj liaj paroladoj en la landoj de li vizititaj.

Generala enkonduko de Esperanto signifus laŭ opinio de prof. Samojloviĉ precipe por plenumo de sciencaj laboroj valoran helpon. Li estis surprizita vidante la esperantan eldonon de la Andrée-libro, kies unua ekzemplero feliĉe la saman tagon nin atingis. Novaĵo estis por li ankaŭ la informo, ke la tradukon de la norvega libro pri la polusa flugo de « Italia » en aliajn lingvojn helpis Esperanto.

O. G.




**23-a Universala Kongreso de Esperanto,**
**Sekretariejo : Lubicz 34, Kraków.**
**Poŝtĉeka konto : Warszawa 410.975.**

*Kotizo.* Por ĉiu kongresano 44 zloty / egalas proksimume 20 ŝiling. britaj, 125 francaj frankoj, 20 germ. mark, 12,50 nederl. guld., 25 svis. fr., 5 usonaj dolaroj /. Oni sendu la kotizon antaŭ la 1-a de Julio. Post tiu dato la kotizo estos je 50 % pli alta. *Plej oportune* estas sendi la kotizon per posta ĉeko je la konto de 23-a U.K. de Esp. n-ro 410.975. Informu vin ĉu el via lando oni povas sendi tiamaniere. Oni povas ankaŭ sendi je bankkonto : Bank Gospodarstwa Krajowego, Krakow. Se en via loko banko ne ekzistas, sendu per internacia postmandato aŭ per bank biletoj en registrita letero. (Ĝis fino de redaktado : 15 Februaro pliaj informoj ne alvenis.)

**Antaŭkongreso 1931 Berlin.**

La « Esperanto Gruparo-Berlin » okazigas antaŭ-kongreson : LaBerlin-a antaŭkongreso okazos dum la lastaj tagoj de Julio 1931, tiel ke la partoprenintoj povos bone veturi al Krakovo.

La Antaŭkongresa komitato konsistas el : prezidanto : J. Glück, ĉefsekretario : Ernst Wichert, sekr. : f-ino Ruth Sandelwitz, kasisto : Eckhardt Lindemann, Berlin W 8 Französische Str. 9-12, komitatanoj : s-roj Emil Dauge, Max Haase.

La konstanta adreso por ĉiaj monsendoj estas tiu de la kasisto : La kotizaĵo estos M. 3-germanaj. Ni kore petas, jam nun anonci la partoprenon kaj sendi la kotizaĵon al la supre nomita kasisto. Adreso por monsendoj estas : *Berlin poŝtĉeka konto* 4 2 4 6 5, Eckhardt Lindemann, Berlin W 8, Französische Str. 9-12.

La provizora programo estos :

1-a tago : posttagmeze : Alveno : gvidado al la loĝejoj ; vespere : Amika kunveno en kafejo Friediger, Potsdam-a placo.

2-a tago : Antaŭtagmeze : grupa gvidado tra la urbcentro, rigardado de historiaj vidindaĵoj kaj de la nova Pergamon Muzeo. Posttagmeze : vizito de la Flughaveno. Vespere : senĝena vespermanĝo kun gajaj kantado, deklamo kaj dancado.

3-a tago : Antaŭtagmeze : Vizito al la granda magazeno Wertheim (laŭ specialaj deziroj : gvidado tra aliaj modernaj institutoj, ekz. por kuracistoj tra la « Virchow-malsanulejo ; posttagmeze : vizito al la nova gazetpresejo de Mosse ; vespere : oficiala salutvespero en granda salonego de la urbdomo.

Pri nemultekostaj loĝejoj ni zorgos kun helpo de la urba « Oficejo por fremdultrafiko, ekpozicioj kaj foiroj ».

Ni povas promesi, ke ĉio bone funkcios, ke la elspezoj ne estos grandaj kaj ke ĉiu partoprenonto estos kontenta.

Aliĝu jam nun kaj venu Berlinon.

**Internacia Postkongreso. 9-11 Aŭgusto 1931. Varsovio.**

*Adreso:* Widok 19, telefono 234-84.

*Kotizo:* estas 8 / ok / zlotoj Post 1-*a de Julio* — 12 (dekdu) zlotoj aŭ egalvaloro. Studentoj kaj lernantoj, posedantaj legitimilojn je 50 % malpli.

*Manĝado:* en Varsovio, estas malmultekosta. Tagmanĝo jam por 1 zl. 20 gr. (0,70 Frk. sv.).

*Loĝado:* La Loka Organiza Komitato zorgas pri malmultekosta loĝigo. En tre bona hotelo — ĉambro 9 zlotojn por tago.

*Programo:* Antaŭvidas solenaĵon sur la tombo de Zamenhof, koncerton, gvidadon tra la urbo.

*VIZITU VARSOVION, LA ĈEFURBON DE POLUJO.*

Loka Organiza Komitato.

# Naciaj Kongresoj.

## 28a Franca Esperanto-Kongreso
## Dijon: Pentekosto 1931.-23-25 Majo.

Programo :

*Sabato:* 23. Oficiala akcepto. Vizito de la urbo, antikvaj konstruaĵoj, fama muzeo.

*Dimanĉo:* 24. En la Duka Palaco : Laborkunsido de la Burgonja Federacio. Poste de la S.F.P.E. — Festeno. Balo.

*Lundo:* 25. Ekskurso per aŭtomobiloj, vizito de la historiaj kasteloj. Tagmeze, festeno en Beaune, centro de plej fama vino franca. Vizito de Hospitalo Hôtel Dieu kaj ĝia muzeo.

Por ĉiuj informoj sin turni al : S-ino Tournanville, Hotel Continental, Dijon.

## 20a Germana Esperanto-Kongreso
## Hamburgo 1931, 23-25 Majo 1930

*Adreso:* 20. Deutscher Esperanto-Kongress, Hamburg 37, Brahmsallee 10. Poŝtĉeka konto : Hamburg, No. 145 50.

*Kotizo:* Membro de G.E.A. 6,— RM, familiano de partoprenonto 3,— RM, sed ne ricevos la kongreslibron ; germanaj ne-anoj de G.E.A. 12.— RM. Ne-germanaj partoprenontoj 6.— RM.

# Foiroj kaj Ekspozicioj

**Internacia Ekspozicio de Higieno, Dreden 1930-31. Partopreno de eksterlandaj ŝtatoj.**

El la jam 1930 en la ekspozicio partoprenintaj ŝtatoj deklaris sin pretaj por partopreno ankaŭ en 1931 : Argentino, Ĉilo, Danzig, la evangeliaj Misioj, Francujo, Grandbritujo, la higiena organizaĵo de la Ligo de la Nacioj, la internacia laboroficejo, la internacia Ruĝa Kruco, Italujo, Japanujo, Jugoslavujo, la katolikaj Misioj, Litovujo, Meksiko, la Mormonoj, Nederlando, Norvegujo, Ose-Toz, Aŭstrio, Svedujo, Hispanujo, Ĉeĥoslovakujo. Diversaj el tiuj grupoj estos kompletigataj kaj plivastigataj. Kun diversaj aliaj ŝtatoj estas ankoraŭ intertraktata kun supozebla sukceso. Lastminute la Sudafrika Unio konsentis partopreni per elmontro de ĝiaj oficialaj higienaj instalaĵoj kaj de enlandaj produktaĵoj.

**Budapeŝta Foiro.**

Eldonis kalendareton kun esp. teksto.




**Foiro de Lyon.**

Denove la foira direkcio eldonis belan grandan afiŝon kun E teksto plie informan broŝuron lukse presitan. (19 × 14 cm. 16 p.).

# Opinioj pri la moderna vivo

**Kolektivaj kaj individuaj eraroj.**

La kaŭzoj cititaj en nia antaŭa artikolo kondukas, kie ajn ni vivu, al trolacigado cerba kaj fizika.

La kondiĉoj de la vivo estas tiaj ke ne estas homo, tiom regulema li estu, kiu povus malsubmetiĝi je tiu influo.

Tiu trolacigado, ŝuldata al la kolektiveco, eble nur havus limigitan influon, se ni ne estus senkonscie farantaj erarojn de pura individua ordo, kiuj malfeliĉe 'pligrandigas ĝiajn efikojn.

Sed estas malofte ke ni defendas nin kontraŭ tiuj atakoj. Nia neklereco pri la individuaj eraroj aŭ pekoj, estante ofte kompleta kaj akompanata de la plena nescio de kelkaj principoj kiuj, se ni nur aplikus ilin, povus malpliigi la efikojn de la unuaj influoj.

Se ni konsiderus la efikon sur la organismo kies influon ni pli malpli frue suferas, ni rimarkus :

a) *la perdo de la saneco,*

b) *la defalo de la ekstera formo,*

c) *Konsiderinda malgrandigo de la fizika kaj intelekta viveco de la individuo, kiu sin montras per malpli da kontraŭstaro okaze de lacigo kaj unu malpli granda laborpovo,*

d) *Antaŭtempa maljuneco kaj mallongigita vivo.*

Nia proksima artikolo akcentos tiujn konsekvencojn. De nun estas al ni eble rimarkigi ke ni estras parte nian sanecon, nian energion, la harmoniojn de niaj formoj kaj de nia vivdaŭrado. La kono de la principoj kiuj permesas atingi tiujn celojn estas do necesa por tiuj kiuj volas plene realiĝi. Tiurilate, ni memorigas ke la broŝure eldonita per la « Fondation Naturiste » (9, rue des Moulins, Alger) — sendo nedeviga laŭ demando — pritraktas ankoraŭ pli komplete tiujn detalojn. Ĝia legado havas la plej feliĉajn efikojn sur via vivo.

# Amerikana sprito

Ni firme kredas, ke precize tiuj personoj nepagantaj fakturojn « pro la malbonaj tempoj », pleje kulpas je tiu malbonaj tempoj. (Seattle Argus).

La plej strangan kion oni devis legi, estis, ke loĝanto de Chicago vojaĝanta en Ĉinujo, estis elrabita de banditoj. (Miami News).

La sole bona afero ĉe la civila milito ĉina estas, ke neniu ankoraŭ verkis pri ĝi militromanon. (Judge).

La simptomoj de la amo, tiel diris kuracisto el München, estas tre videblaj. La okulo estas malhela, la vizaĝo paleta, la koro batas, la dormo estas maltrankvila, kaj la paciento perdas je pezo. Jes, kara doktoro, ĉio tio estas korekta, sed tamen vi devas konsenti, ke la paciento malgraŭ ĉio tre bone fartas ! (Macon Telegraph).

Einstein diris ke la radio estas instrumento de l'paco... Li ne loĝis en la strato en kiu ni loĝas. (Greenville Piedmont).

*** Iam. en la bona malnova tempo oni nomis viron kiu ŝparis monon — *avarulo* —. Hodiaŭ oni nomas lin *miraklo.*

*(Louisville Times.)*

*** Kia malbona mondo. Sukcesinte ke oni povus dediĉi du horojn por la tagmanĝo, limigas la kuracisto la manĝon je glaso da lakto.

*(Publishers Syndicate.)*

## Gekolegoj instruistaj !

Mi sukcegis instigi la « Edukan Komitaton de la Germana Unuiĝo por Liĝo de Nacioj », eldoni la porinfanan gazeton por la 18-a de Majo (Tago de Bonvolo) ne nur en angla, franca kaj aliaj lingvoj, sed ankaŭ en Esperanto. La prezo estos 5 germanaj markoj po 100 ekzempleroj (kun sendkostoj ktp.). Bonvolu mendi — ankaŭ pro la propagando de Esperanto en la Ligo de Nacioj — por viaj gelernantoj kiel eble plej grandan kvanton da ekzempleroj de ĉi tiu gazeto jam nun ĉe la sekretariino de « Kunlaborado » : F-ino Martha Moelke, Brandenburgische Str. 5, Berlin-Südende (Germanujo). Poŝtĉekkonto : Berlin 131530.

D-ro Dietterle, Ano de la « Erziehungsausschuss der Deutschen Liga für Völkerbund ».

## Oni dankas

.˙. S-ro Lorenz Winkler, ano de UEA 36908 en Bordeaux, kore dankas al S-ro Schweingruber, en Orléans por lia bonega instruado de nia lingvo kaj ke li varbis lin al organizo de UEA kiu praktike akcelas interpopolan harmonion. La idealismo kaj talento de S-ro Schweingruber alkondukis novan aron da fervoraj samideanoj.

.˙. Rajmund Cech, delegito de U.E.A. Wien dankas samideanece al la ges-anoj UEA-delegito S-o P. Balkanyi, Budapest, ges-oj Dro Ignac Balla kaj Ilonka Fiedler, Pecs-Hungario, s-o Drag. Wranka, Osijek, s-o Dro Dušan Maruzzi, Zagreb, s-o Jergej Jelenic, Ljubljana kaj al multaj ges-anoj de tiuj urboj kaj de Celje kaj Maribor-Jugoslavio por la afabla akcepto, kiun li trovis flanke de la ges-anoj de tiuj urboj kaj por iliaj klopodoj sukcesante la aranĝon de la propagandvojaĝo, kiun li kiel organiza referanto de la Aŭstria Esperanto-Delegitaro faris.

.˙. S-ro H. Sakaria, ano de UEA en Tallinn kore dankas la Delegitojn : F-ino Gérard en Parizo, S-ron O. Ginz en Praha, kaj S-ro Staveley en Fulwood Preston por tre afablaj kaj valoraj informoj pri orgenkonstruado en tiuj landoj.

.˙. Aŭstria Esperanto-Delegitaro esprimas al la Centra Oficejo de UEA plej koran dankon por la afabla disponigo de ekspozicia materialo, kiun ni uzis por aranĝo de Esperanto fak-ekspozicio, ĉe la « Ekspozicio de kredit-protekta ilaro » okaze de la mondkongreso de Inform-oficejon en Wien, 14.-18.12.30.

*Ni ricevis leteron de nia membro N-ro* 17128, *S-ro Ŝindo-Seitaro en Osaka, kiun ni parte represas ĉi-sube:*

En la sama tempo, mi esprimas mian koran dankon pere de la rubriko « Oni dankas » en gazeto Esperanto, al ĉi subaj delegitoj, kiuj helpis min por faciligi mian vojaĝon kaj kunlaboradon al la lokaj esperantistoj en la propagando:

S-ro Blankenheim ,eksdel. en Berlin, kiu aranĝis por mi la vojaĝon kiel la oficisto de Mitropa, la plej taŭga profesio de UEA del. !

S-ro W. Chitty, del. en Dover, Anglujo, kiu faciligis al mi la doganan ekzamenon, alie tre ĝenan.

S-ro F.E. Wadham, VD por turismo, kiu bonvenigis ĉe Victoria stacio mian unuan viziton al la urbego Londono.

S-ro Andersen, M, kaj S-ro Lindberg, VD en Malmö, kiu aranĝis sukcesan paroladon pri Japanujo en la loka gimnazio.

S-ro E. Malmgren, D, kaj S-ro R. Pehrsson, VD et Stockholm, kiuj zorgis pri mia propaganda vojaĝo en Svedujo.

F-ino A. Gyllsdorff, D en Linköping, kiu zorge preparis propagandan paroladon en la urbo.

S-ro N.A. Nordlund, D en Kristianstadt, kiu donis al mi valoran informon kaj sian verkon pri interparolado en sveda lingvo.

S-ro O. Bünemann, D en Hamburgo, kiu min invitis al la kunveno de la lokaj esp-istoj.

S-ro B. Schmidt, ĈD en New York City, kiu ĉiel helpis mian restadon en la urbego kaj esp-istan agadon.

F-ino A.C. Leavitt, VD en Washington.

## Komercista Esperanto-Asocio

Por la disvastigo de nia lingvo, speciale inter komercistoj, fondiĝis en Berlino la « Komercista Esperanto-Asocio ». Oni deziras varbi fabrikojn kaj komercistojn por la movado, U.E.A. -anigi kaj instigi ilin al korespondado en Esperanto. — Por pli bone atingi la celon, la K.E.A. intencas eldoni tutmondan adresaron de firmaoj, kiuj uzas Esperanton.

Oni petas la delegitojn kaj la koncernajn samideanojn, ke ili instigu la firmaojn jam uzantajn Esperantor, sciigi tion sub la adreso de la prezidanto de K.E.A. : Paul Conrad, Delegito de U.E.A. Berlin SO 26. Kottbusser Ufer 58.

## Oni proponas

Por aktivigi nian movadon bonvolu atenti mian projekton. Plej efikan propagandon oni povas fari per gazetoj. Necesas por tio, tiel direkti ke ĉiuj esperantistoj fariĝu ĵurnalistoj. Tio ne estas tiel malfacila afero. En ESPERANTO oni aperigu ĵurnalistan kurson. En tia kurso oni priskribu kia maniere skribi al gazetoj, kiel kolekti objektojn verki efikajn anoncojn k.t.p. Doni lokon pri materia kaj sociala vivo de ĵurnalistoj ĉiulandaj. Tiel oni povas eduki esperantistojn por nia movado. Mi opinias ke tia laboro estus tre fruktodona.

(A. Prapuolonis).

## Kiel UEA povas atingi dekmil membrojn ?

Jam de jaroj UEA klopodas atingi 10.000 membrojn. Sed mankas ankoraŭ milo. La fluktuado de la membraro estas tre granda. Cirkaŭ 2000 ĉiujare eksiĝas kaj sama nombro aliĝas.

Ĉiuj celkonsciaj Esperantistoj ŝatas Universalan Esperanto Asocion kaj volonte fariĝus membro-abonantoj. Bedaŭrinde la ekonomia krizo ne permesas al ili la pagon de 12.50 sv. fr. ĉiujare. UEA nur konas individuajn membrojn. Grupoj do ne povas aliĝi. Sed ekzistas vojo, kiu tuj estas irebla kaj havigas almenaŭ 2000 novajn membrojn. Jen ĝi estas :

Kvar personoj, kiuj jam estas membroj de sia nacia asocio, deziras aliĝi al UEA. Iliaj nomoj estas s-ro A., s-ino B., f-ino C. kaj s-ro D. en la urbo E. Pro financaj kaŭzoj ili ne povas aliĝi unuope, sed kvarope ili havas sufiĉe da mono.

Dum la jaro 1931 s-ro A. aliĝas al UEA kiel membro-abonanto kaj pagas 12.50 sv. fr. (aŭ nacian egalvaloron) al la loka delegito antaŭ la 31a de Januaro 1931. S-ino B., f-ino C. kaj s-ro D. anonime partoprenas la membrecon de s-ro A., pagante al li po 3. 10 sv. fr. S-ro A. ricevas el Ĝenevo 1) la membrokarton kun banderolo por 1931, 2) la premion por frupagintoj, 3) la gazeton « Esperanto » por 1931 kaj 4) la jarlibron 1931. S-ro A. retenas la membrokarton por si mem, la premion li donas al s-ino B., la gazeton al f-ino C. kaj la jarlibron al s-ro C. Ĉiu do profitas el la membreco de s-ro A.

Post la fino de la jaro 1931 s-ro A. eksiĝas, s-ino B. aliĝas kaj s-ro A., f-ino C. kaj s-ro D. profitas ktp. Tiamaniere ĉiu samideano, ankaŭ malriĉa, povas ĉiam helpi nian plej gravan asocion. Per mia propono la regularo de UEA ne estas ŝanĝata. Walter Knopf, Del. de UEA., Beuthen.

# Esperanto Radio Programo




de la Internacia Radio-Servo.
Adr.: J. Jungfer, Lindenstr. 10. Lübben (Spreewald), Germ.

**Mallongigoj.**

*D* (Dimanĉo), *L* (Lundo), *M* (Mardo), *Mk* (Merkredo), *J* (Jaŭdo), *V* (Vendredo), *S* (Sabato), *n* (neregule).
Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn a naciaj Radio gazetoj kaj Heroldo de Esperanto.

**Radio-paroladoj en Esperanto.**

Augsburg : n. Breslau : S. Dresden : ĉiun 2 V. Frankfurt : ĉiun 2. Mk. Freiburg : ĉiun 2. Mk. Gleiwitz : S. Graz : M. Innsbruck : M. Kaiserslautern : n. Kassel : ĉiun 2. Mk. Kaunas : J. Klagenfurt : M. Leipzig : ĉiun 2. V. Leningrad : 2. 9. 12. 19. 22. 29. ĉiumonate. Linz : M. Lyon-la Doua : S. Minsk : n. Mühlacker : ĉiun 2. Mk. Munchen : n. Moskva : S. Nürnberg : n. Odessa : n. Stockholm : ĉiumonate la 1. D. Tallin : L. Wien : M.

**Resumo en Esperanto pri la semajna programo.**

Bern : V. Danzig : S. Heilsberg : S.

**Esperanto-kursoj.**

Bratislava : Mk. kaj S. Huizen : S. Le Havre : ĉiun 2. M. Lille P.T.T. Nord : L. Lyon-la-Doua : J. Moskva : n. Paris : J.

---

## En kelkaj linioj



*** La Internacia Gazetara Komisiono (S-ro G. Avril, 60 Bd. Aug. Raynaud, Nice, Francujo) atentigas ke ĝi kreiĝis por akceli la propagandon en la gazetaro.

La eldonistoj de ĉiuj esp. gazetoj (ĝeneralaj, naciaj, aŭ fakaj), kaj de ĉiuspecaj esperantaĵoj (libroj, poŝtkartoj, turismaj aŭ komercaj prospektoj, ktp) sendu al ĝia adreso almenaŭ po unu ekzemplere. La komisiono celas nur la efektivigeblecon de sia laboro kaj kredas altrudi al la petatoj nek gravan penon, nek troan elspezon.

*** Laŭ lastminuta informo la apero de l' ne rompebla malpeza disko estas certigata, dank' al persisto de l' Komercista Esperanto-Unuiĝo en Radebeul-Dresden. Kompleta informo pere de l' Komerca Servo de UEA kaj en venonta numero.

*** Dank' al klopodado de S-ro Duchochois, VD de UEA en Boulogne-sur-Mer, la urba administrado decidis doni la nomon de D-ro Zamenhof al publika placo. Tiel la urbo de l'Unua Kongreso honoras la memoron de sia gasto, nia majstro, veninta tien la 3-an de Aŭg, 1905. (Ni aplaŭdas! Red.).

---

## Esperantista vivo

**Naskiĝo.**

*** Al Ge-sroj Waldvogel-Geissbühler, pastro, MA de UEA en Les Eplatures, Svislando, filo Théodore Edouard.

**Fianĉiĝoj.**

*** S-ro A. Darjuŝ Nemseĉi, Komitatano de UEA en Tabriz, Persujo kun F-ino Agdas Aŝrafi, 4.I.31.

*** Samideano J. W. Bruch, studasesoro MA de UEA kun F-ino Ruth Bergmann en St. ingbert (Saar).

**Edziĝoj.**

*** S-ro Leo Funken, D de UEA en Koblenz, Germ. kun F-ino Benning.

*** S-ro George Mulcahy, ano de UEA en Sydney kun F-ino Lilian Cleary, 28.X.30.

**Honorigo.**

Nia fervora samideano kaj Membro Abonanto, la ĝisnuna lernejorektoro Sro Karl Schneider en Saarbrücken estas depost nelonge nomata lerneja konsilisto de la urbo Saarbrücken.

---

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

Granda bato trafis la movadon en Australio. S-ro J. G. Pyke, prezidanto de la Melburna Klubo malaperis de la ŝipo « Balranald » la 15. Okt. 30, du tagojn antaŭ ol la ŝipo alvenis ĉe Malta Insulo.

S-ro Pyke estis amata de la Esperantistoj en la tuta lando. Malavare li donis tempon kaj monon por helpi la movadon. Li estis la oficiala kolektanto en Aŭstralio por la Zamenhofa monumento kaj, kiel la rezulto de lia laboro, Aŭstralio okupis la duan lokon inter la donacintoj. Pasie li amis la teatron kaj verkis kelkajn drametojn en Esperanto. « La Amigilo » aperis en « La Revuo » kaj ankaŭ estis prezentita en Parizo kaj Kopenhago.

En Eŭropo S-ro Pyke estis bonekonata ĉar li vizitis la kongresojn en Prago, Danzigo kaj Oksfordo. Li vojaĝis tra preskaŭ ĉiuj Eŭropaj landoj. La taglibro kiun li skribis dum la lasta vojaĝo montris kiom feliĉa li estis. Liaj fratinoj petas ĉiujn, kiuj iel servis al li, akcepti siajn sincerajn dankojn.

S-ro Prof. D-ro Hermann Göhl, 11.1.31, en Neugersdorf, Saksujo, 72 jar-aĝa. Ano kaj D de UEA el 1912, verkinto de pluraj libroj. (Nekrologo en venonta n-ro.)

S-ro Georg Eberl, fervoja inspektoro, ano de la grupo en Würzburg, German.

S-ro Ludwig Straschnow, 78 jara, 22.1.31. patro de Erich Straschnow, ano de UEA en Vieno.

*Sinceran kunsenton!*

---


## ESPERANTO

Svisa Poŝtĉeko: Genève. I. 2310

**REDAKCIA INFORMO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj. Aperintaj numeroj estas postsendataj.

**ADMINISTRA INFORMO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj. Korespondа anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Frk. Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.

Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1/8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Frk., Subtenanto: 25 Frk. sv., Dumviva Membro: 300 Frk. sv. pagebla en tri partoj dum daŭro de 3 jaroj.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Alava* (Hispan). — S-ro F. B. Goiri, Str. San Antonio 8-1-o, L., PM., precipe kun ĉinoj, japanoj, rusoj kaj balkananoj.
*Brno-Husovice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Eduard Belohoubek poŝtoficisto Soběsická 5. PI Bfl. PM Kun Japanujo, Meksiko kaj Usono plej volonte kun komencantoj. Ĉiam respondas.
*Bzenec, Moravio* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Frederiko Kuhner, delegito de UEA PI, PM 100-500 grandvalorajn. Preferas sendaĵojn rekomenditajn el Japanujo, Afriko, Aŭstralio, Hindujo, kaj Ameriko. Tuja respondo garantiata.
*Catarroya* (Hispanl, Valencia). — S-ro Josefo Alfonso, Str. G-l Tovar 37, PI kun fi-noj ĉiulandaj.
*Catarroya-Valencia.* — S-ro Alfredo Puchalt, Str. Cervantes 13, PI kun f-inoj ĉ.l.
*Catarroya-Valencia.* — S ro Francisko Llorens, Str. Cervantes 20, PI kun f-inoj ĉ.l.
*Cernauti* (Rumanio). — Esperanto Societo : Adreso Dr. E. Rinzler, str. Regina Maria 4 / serĉas gekorespondantojn por siaj anoj. L, P, PI.
*Cernauti* (Rumanio). — S-ro Albert Roth, bankoficisto, str. Razboieni 18 PI, P., k.ĉ.l.
*Cernauti* (Rumanio). — S-ro Hauben Friedrich, lernanto de meza lernejo, str. Stefan cel Mare No. 51. L, PI, k.ĉ.l.
*Cernauti* (Rumanio). — S-ro Florian Hostiuk, poŝtoficisto, Palatul P.T.T. L, PI, k.ĉ.l.
*Ceska Trebova* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Bohumil Michalička, instruisto PM kun seriozaj filatelistoj en ĉiuj landoj.
*Fayoum* (Egipto). — S-ro Tadros Migalli, St. Bahr Anz, Delegito de UEA, L., PI., PM nur kun studentoj en Ameriko, Azio, Aŭstralio, Greklando, Hindujo, Norvegio, Portugalo kaj Turkio.
*Fayoum* (Egipto). — S-ro D-ro Shafik Abdel Malik, Secondary School, kun bestkuracistoj kaj instruistoj de naturhistorio angle kaj esperante, k.ĉ.l. Certe resp.
*Gavle* (Sved.). — S-ro Box 49, PM k.ĉ.l. speciale nordlandaj.
*Kostelec nad Cernymi Lesy* (Ĉeĥosl.). — S-ro František Sykora, monprunteja oficisto, Del. UEA, PI bfl., fotaĵoj, k.ĉ.l. Ĉiam respondas.
*Kostelec nad Orlici* (Ĉeĥosl). — S-ro Josef Vesely, instruisto, Tumova ul. 535. PI en L k.ĉ.l. Nepre respondas al ĉiu.
*Klaten* (Javo). — S-ro Darman, PI, kaj fotografaĵoj k.ĉ.l. Nepre respondos.
*Krenholm* (Estonio). — F-ino Hildegard Tikel, Kulgu 40-4, juna f-ino. PI., Ll, k.ĉ.l.
*Kuusamo Tuutijärvi* (Finnlando). — S-ino Anna Rickstrom, PI., L., kun Usono, Brazilo. Haitio, Japanujo, Ĉinujo kaj Palestino.
*London W* 2. — S-ro A. C. Burke, 16 Westmoreland Road, PM., k.ĉ.l. Esp. angle.
*Louky nad Olzou* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Tavel Bartulec PI., bfl., k.ĉ.l. Nepre respondas.
*Lublin* (Pol.). — S-ro Ado Lorkraut, Tatarska 2 dez. konatiĝi koresponde kun personoj vizitontaj la 23-an kongreson en Krakovo.
*Mainz* (German.). — S-ro A. Läufer, Willigisplatz 2, L. pri botaniko. Interŝanĝas herbojn el herbokolekto.
*Mostar* (Jugoslavio). — S-ro H. M. Behlilović, profesoro, Hasanagića ul. 4., PM., eŭropajn kun seriozaj filatelistoj laŭ Yvert aŭ Michel.
*Nagykörös* (Hungarlando). — S-ro Lazslo Fenyves, Drogeria, PM., ĉiulandaj 500-1000. Nepre resp.
*Narva* (Estonio). — F-inoj Teras, Lembitu 10-5, (du junaj kleraj filinoj de l'Nordo) PI., L., k.ĉ.l.
*Nõmme* (Estonio). — F-ino Herta Viidas, S. Pärnu mnt. 84, PI., L., k.ĉ.l.
*Nõmme* (Estonio). — F-ino Erika Viidas, S. Pärnu mnt. 84, PI., L., k.ĉ.l.
*Nevers* (Francujo, Nièvre). — S-ro P. Gouttebroze, 30 rue du Champ de Foire, 50-100 PM. uzitajn ĉ.l. kontraŭ sama kvanto francaj.
*Novara* (Italujo). — S-ro Max Benedix, Corso C. Alberto, presso Conti, L., PI., esp., germ. itale.
*Orléans* (Francujo). — S-ro Schweingruber, Rue des Africains, serĉas korespondantojn por una-grada E kurso.
*Oslo* (Norv.). — S-ro Alfred Melbye, Toftes gt. 25-I, PM., po 100 aŭ 500 pecoj k.ĉ.l. Ne tro ordinarajn. Afranku filatele.
*Ostroleka* (Polujo). — Esperantista Rondo « La Espero », S-ro J. Biezuner, Kosciuszki 50, aranĝas letervesperon 5-an de Aprilo 1931. Oni bonvolu sendi PI kaj L. Respondo certigata.
*Pando* (Urugvajo, Canelones). — F-ino Felicia Acosta, L., PI., k.ĉ.l.
*Panevezys* (Litovio). — Du fraulinoj, Marija Ciuraite kaj Stase Niedvaraite, telefonistinoj, poŝtoficejo, PI., k.ĉ.l.
*Pardubice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Svaton, Karlova ul. 73., oficisto PI., bfl., PM., (ne sendas unue), naciaj flagetoj (10 × 26 cm.) Respondo garantiata.
*Rostov-Don* (U.S.S.R.). — Kamarado A. Sidorov, poŝt. jaŝt. 347, L. nur seriozan korespondadon.
*Rotterdam* (Nederlando). — S-ro D. J. Jansen, Harddraverstraat 23 b, PM., nur Eŭropo.
*Skara* (Sved.). — S-ro Gustav Nygvist, Box 80, L., PI., k.ĉ.l. prefere kun hispanoj kaj francoj.
*Söke* (Turkujo). — S-ro Faik Oguz, Çakmak oglu, VD. de UEA pro aviad-akcidento perdis korespondaĵojn. Personoj atendantaj respondon, bonvolu reskribi.
*Stablovice u Opavy* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Jaroslav Novobilsky, instruisto, Del. UEA serĉas korespondantojn por siaj kursanoj.
*Tetschen-Elbe* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Hans Roppert Del. UEA Bräuhausgasse 9. PM., L., k.ĉ.l. Certe respondas.
*Svedasai* (Litov.). — S-ro Kazys Petronis, PM., PI., Esp. ruse france, angle, germane. kun Azio, Afriko, Aŭstralio, Ameriko.
*Tojama-ken* (Japan). — S-ro Kitanihon-Hioronŝa, Inami-maĉi, ilustr. presaĵojn, jurnalojn erotikajn, humoraĵojn.
*Torshälla* (Sved.). — S-ro Ivar Eriksson, Lillagatan 59, PI., L., bfl., k.ĉ.l. Certe resp.
*Turnhout* (Belgujo). — S-ro Ant. De Troeyer. Por pliperfektiĝi en angla lingvo, mi serĉas korespondanton (prefere fraŭlino), kiu korektus miajn leterojn. — Mi faros la samon kun leteroj franc-aŭ nederlandlingve redaktitaj. »
*Vitry-sur-Seine* (Francujo). — S-ro L. Buisson, 12 rue du Rû-Grand, PM., k.ĉ.l., krom Germanujo, Ĉeĥoslov. Ne sendas unue ne respondas PI.

# Petoj kaj Proponoj

*Adresŝanĝo:* Petro Stojan LK, sciigas sian novan adreson : Impasse Aïre 531, Acacias, Genève.

Ĉiuj Esperantistoj, loĝantoj en Nomme-Estonio, estas petataj informi sian adreson aŭ veni persone Hoimu tänav 28 loĝ. 1 al S-ro Ed. Tamm por organizado.

*Ĉu estas la kapitalo* ? — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold, 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Familia Pensiono.* S-ino L. Decourt, vidvino de esperantisto, 41 rue de Paris, Vanves-Paris, Ĝardeno, plena komforto, nekaraj prezoj.

*Filatelistoj.* — Mi volas interŝanĝi PM kun ĉiuj nordlandoj ĝis Latvio, Dancigo, Luksemburgo inkluzive. Krom tio kun Hungarujo. Nur seriozuloj sendu PM. Bazo : Katalogo Yvert 1931. Responde sendos estonajn latvajn kaj bonajn alilandajn PM, Certe respondos. J. Lõhmus, Poska str. 10, Valga, Estonio.

*Filatelistoj.* — Vendos PM (Servajn aerajn, bonfarajn), PK, maŝinstampaojon papermonon. K. Riess, Lauingen, Clemensstrasse 61

*Interŝanĝon* de esp. lernolibroj kaj vortaroj el ĉiuj landoj, kontraŭ polaj esperantaĵoj deziras : Jan Zawada, Sekretario de Esperantista Societo « Laboro », ul. Zaciszna 2, M. Ogrod Czerniakow Warszawa. (Polujo).

*Malnovaj numeroj de « Esperanto ».* — La numeroj 190-6, 191-2-7-8, 193-4-9-10 el la jaro 1926 estas serĉataj de S-ro Alexander Weisz, del. de UEA en Banska Bystrica, Slov. Ĉeĥoslovakujoj Rekompenco laŭ interkonsento.

*Plej efika rimedo* por bona digestado estas legi 5.000.000 de Grenkamp' Prezo de tiu bela volumo : Fr. sv. 3.— Ricevebla en ĉiu librejo aŭ rekte ĉe Eldonejo : Esperantista Voĉo, Jaslo (Pollando).

*Slavek-adresŝanĝo.* — Bonvolu noti mian novan adreson : Jan Ev. Slavek, Korunni cp. 2177, Traha XIe, Ĉeĥoslovakujo.

*Trafiko.* — Porfremdula kaj Trafika Servo Esperantista G. Oettinger Löwenberg-Schlesien, Laubanerstr. 218, I. German., informa pri ĉiuj trafikaferoj, vojaĝoj, turismo, restadoj, negocaj afero k.t.p. (Aldonu respondkuponojn). »



# INTERNACIA LYON' A FOIRO

## 2-15 MARTO 1931

***BELA KAJ METODA PREZENTADO DE LA LASTAJ NOVAĴOJ DE LA FRANCA PRODUKTADO***

**La Esperanto-Fako plezure sendos al ĉiu interesata firmo informojn en Esperanto : Broŝurojn, afiŝojn, poŝtkartojn, flugfolietojn**

**Skribu al :**

## Foire de Lyon, Esperanto - Fako

***Rue Ménestrier :-: LYON :-: France***

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE